


# KONGRESA KURIERO



JUBILEA 72-A KONGRESO DE ESPERANTO, VARSOVIO 1987

UNUA NUMERO 1987-07-26

## INTERESA PROPONO DE LA ALTA PROTEKTANTO OKAZE DE LA JUBILEA JARO

*Estimata Prezidanto!*
*Estimataj Sinjorinoj! Estimataj Sinjoroj!*

*Mi havas la honoron kaj samtempe grandan ĝojon bonvenigi vin, la partoprenantojn de la 72-a Universala Kongreso de Esperanto, en la nomo de la plej superaj aŭtoritatoj de Pola Popola Respubliko, Honora Komitato, kaj en mia propra nomo, tiu de la alta protektanto de la Kongreso.*

*En la jaro de la granda jubileo de Esperanto viaj vojoj, el kelk-deko da landoj de kvin kontinentoj, alkondukis vin al Varsovio. La ligiteco kun [illegible] radikoj de la Esperanto-movado kaj de la internacia lingvo fariĝis pli forta ol la penoj de la longdistanca vojaĝo. Oni do devas ĝoji, ke tiom multnombre vi renkontiĝas en Varsovio, en la urbo, en kiu antaŭ cent jaroj, precize la 26-an de julio de la 1887-a jaro, aperis la unua libro de Ludoviko Zamenhof, ke vi ankaŭ omaĝos lin en Bialistoko, kie naskiĝis la posta Doktoro Esperanto kaj kie - en la kondiĉoj de la tiama multlingveco en tiu urbo, naskiĝis la ideo: krei la internacian lingvon, la lingvon, kiu servu la noblajn celojn de la eliminado de konfliktoj inter la anoj de diversaj nacieco), la lingvon, kiu servu la konstruadon de fido, interkompreniĝo kaj paca ordo.*

*Kiom proksimaj estas al ni - en la hodiaŭa tempo, tempo plena de konfliktoj kaj diversaj minacoj por la homaro kaj por la vivo sur nia planedo - la celoj kaj idealoj, kiuj antaŭ cent jaroj gvidis la modestan okulkuraciston, kiam li oferis al la homaro sian internacian lingvon. Proksimaj kaj plu aktualaj, ĉar ni estas atestantoj de la freneza vet-armiĝado, atestantoj de la kreiĝado de ĉiam pli danĝeraj armiloj kaj kreskanta ekologia minaco, ĉe la sentebla manko de fido kaj eblo interkompreniĝi inter homoj kaj nacioj.*

*Pollando, tiom dolorige suferigita en sia historio, Pollando, en kiu ĉiu kvara-kvina civitano pereis dum la dua mondmilito, havas tute specialan moralan rajton kaj devon paroli pri tiuj danĝeroj, alvoki al la batalo por konservo de la paco kaj kontraŭstari tiujn fortojn, kiuj kondukas la mondon al neniigo.*

*Pro tio ĝuste en nia lando naskiĝis la bone konataj* ▼

## SOLENA INAŬGURO DE LA DUA JARCENTO

"Antaŭ cent jaroj, en presejo apud ĉi tiu kongresejo, aperis eta, modesta broŝuro..."

Tiuj vortoj de d-ro Humphrey Tonkin, prezidanto de Universala Esperanto-Asocio, aŭdiĝis en la kongresa salonego Ludoviko antaŭ vasta maro de vizaĝoj, homoj kolektiĝintaj el ĉiuj partoj de la terglobo. La Solena Inaŭguro de la 72a Universala Kongreso de Esperanto digne kaj feste enkondukis ĉi tiun jubilean semajnon, honoran al tiu eta broŝuro, al ĝia genia kreinto kaj al la mirindaj lingvo kaj movado kiuj el ĝi elkreskis.

Polaj ruĝo kaj blanko ornamis la salonon, dum super la scenejo lumante pendis la kongresa flago — jam ornamita per la ora nomo de Varsovio 1987. Kameraoj, fotiloj, magnetofonoj svarmis inter la ĉeestantoj, dum sur la scenejo sidis kvardeko da estraranoj, funkciuloj, honoraj gastoj kaj landaj salutantoj. En siaj enkondukaj vortoj d-ro Tonkin emfazis la fakton, ke neniam antaŭe kunvenis tiom da esperantistoj el tiom da landoj en la tuta historio de nia lingvo. "Post cent jaroj de hardiĝo, nia ▷

en la mondo pacinicatoj kaj proponoj pri senarmiĝo. Ekzemplodone mi menciu:

- pri la Plano de Rapacki, kiu celis krei senatoman zonon en la Centra Eŭropo;

- pri la akceptita de Organizaĵo de Unuiĝintaj Nacioj, pola deklaracio pri edukado de junaj generacioj en la spirito de la paco,

aŭ - pri la plej nova iniciato, konata jam sub la nomo Plano de Jaruzelski, kiu celas la eŭropan sekurecon.

Hodiaŭ jam ne sufiĉas paca kunekzistado, hodiaŭ necesas dialogo kaj aktiva kunlaboro, pro la kreskanta kundependeco de la evoluo kaj glob-skaleco de problemoj.

Mi parolas pri ĉi tiuj dolorigaj demandoj de nia mondo, ĉar mi konscias pri tio, ke por solvi ilin necesas interkompreniĝo, kaj ĉi tiun interkompreniĝon en la tuthomara skalo klopodas servi la lingvo Esperanto. Ne estas do mirige, ke la valorojn de ĉi tiu lingvo rimarkis ankaŭ Unesko, kiu proklamis du rezoluciojn pri la demando de iom vasta utiligo de Esperanto en internaciaj kontaktoj. Kaj la Monda Pac-Konsilantaro, en unu el siaj rezolucioj, esprimis al esperantistoj rekonon pro la kontribuado al la firmigo de la paco kaj vastigado de la ideoj de frateco kaj amikeco inter la homoj de diversaj nacioj. Tio ĉiam estas la vivanta ideo-testamento de Ludoviko Zamenhof, kiu, krom krei la lingvon, kreis ankaŭ humanisman programon, konatan kiel esperantismo, programon, kiu celas - surbaze de komuna lingvo - konstrui la fidon kaj fratecon inter la nacioj. Pro tio estas la afero tute komprenebla, ke la paco estas samtempe vorto kaj celo - precipe proksima al la esperantistoj, kiuj konscias pri tio, ke nur en la kondiĉoj de la paco la Esperanto-movado povas ekzisti kaj evolui, kaj la lingvo - praktike servi la homaron.

Estimataj Sinjorinoj kaj Sinjoroj!

En la centjara Jubileo de Esperanto, vi kongresas en Pollando, ne nur por sumigi la ĝisnunajn atingojn de via movado, fiksi planojn por la estonteco, sed ankaŭ por omaĝi la grandan homon - Ludoviko Zamenhof - kiun unuiĝintaj Nacioj nomis "filo de la tuta homaro".

La omaĝon kaj memoron plej ofte esprimas monumentoj: da tiuj Zamenhof havas en la mondo jam multe. Sed la vivo instruas, ke la plej belaj, plej valoraj estas tiuj monumentoj, kiuj praktike, ĉiutage servas la homojn. Mi estas profunde konvinkita, ke tia firma monumento, utila monumento, kiun - okaze de la 100-jariĝo de Esperanto oni povas kaj oni devas starigi, en lia naskiĝurbo, devus fariĝi: La Monda Esperanto-Centro - LUDOVIKO ZAMENHOF - en Bialistoko. Ĝi estus en sia formo monumenteca, sed ankaŭ praktike servus la esperantistojn en la tuta mondo kiel loko de renkontiĝoj, sciencaj esploroj - precipe interlingvistikaj kaj esperantologiaj - kiel loko de la praktika realigado de la ideo, al kiu oferis sian tutan vivon - la kreinto de Esperanto! De tiu ĉi loko do, kun granda ĝojo - kiel la alta protektanto de la kongreso, kaj kiel la samurbano de Zamenhof el Bialistoko - mi anoncas, ke la Komitato de Universala Esperanto-Asocio plene subtenis mian ideon: konstrui la monumenton de la 100-jariĝo de Esperanto - lingvo trovas sin plej forta, plej internacia, kulture plej riĉa."

La Alta Protektanto de la Kongreso, prezidanto de la pola parlamento s-ro Roman Malinowski, salutis la kongresanojn per parolado, kiu troviĝas ĉi-apude. Tondran aplaŭdon rikoltis lia prezento de la bjalistoka iniciato. Tre malofte okazis, ke iu Alta Protektanto tiel sindediĉe kaj entuziasme laboris por sukcesigi "sian" kongreson, kiel s-ro Malinowski, kiu mem parolis pri "via Movado, kiu fariĝis ankaŭ la mia."

Kortuŝis multajn kongresanojn la simplaj, sinceraj vortoj de d-ro Ludoviko Zaleski-Zamenhof, nepo de nia iniciatinto kaj honora gasto de la Kongreso. Li memorigis la ĉeestantojn pri sia saluto, eldirita en la varsovia UK antaŭ 50 jaroj, kaj pri la baldaŭe posta pereo de liaj familianoj, persekutataj kiel hebreoj kaj kiel esperantistoj. Pluraj aliaj parencoj de Ludoviko Lazaro honoris la Kongreson per sia ĉeesto.

Belan muzikan interludon sekvis salutparolado de s-ro Nigel Cassar, reprezentanto de la ĝenerala sekretario de Unuiĝintaj Nacioj, s-ro Perez de Cuellar. S-ro Cassar emfazis la komunan humanisman strebadon de UN kaj la Esperanto-movado, "kiu povas fari multon ▷



*en la formo de MONDA ESPERANTO CENTRO "LUDOVIKO ZAMENHOF" en Bialistoko.*

*Mia ĝojo estas tiom pli granda, ke oni konfidis al mi la honoron gvidi la laboron de la internacia konstru-fondaĵo de la CENTRO. Mi esprimas mian profundan esperon, ke ĉi tiu ideo trovos la subtenon de la partoprenantoj de la Varsovia Kongreso, ke ĉe la kunlaboro de ĉiuj, al kiuj estas proksimaj la ideoj de Ludoviko Zamenhof, eble jam en baldaŭa estonteco, prosperos al ni efektivigi la projekton de la konstruado de la CENTRO, kaj tiam - tre verŝajne - unu el la estontaj kongresoj de Esperanto, eble ĝuste okaze de la malfermo de la CENTRO - povos okazi en la naskiĝurbo de Ludoviko Zamenhof!*

*Sinjoro Prezidanto! Sinjorinoj kaj Sinjoroj!*

*Mi esprimas la esperon, kaj tio tutcerte estas la espero de multaj adeptoj de la ideo de la internacia lingvo, ke debatante en Varsovio, ĉe la sojlo de la dua jarcento de Esperanto - via kongreso ellaboros novan agadstrategion favore al ĉi tiu lingvo kaj favore al la celoj, kiuj gvidis la kreinton de Esperanto, ke el la atingaro de ĉi tiu kongreso oni ĉerpos la inspiron por la efektivigo de la eterna revo de la homaro pri la komuna lingvo internacia, proksimiganta la homojn kaj naciojn kaj servanta al la komuneco de iliaj pensoj kaj agoj.*

*Estas por mi granda honoro, ke mi povas, al la kunvenintaj ĉi tie homoj de granda menso kaj varma koro, al la adeptoj de humanismo kaj komprenigo, kiaj ja estas la esperantistoj - transdoni la dezirojn de fruktodonaj debatoj kaj agrabla estado en Varsovio kaj Pollando!*

*Mi estas profunde konvinkita, ke dum via estado en Pollando vi ĉie renkontos elkoran akcepton kaj tradician polan gast-amon.*

*Al via Esperanto-movado, kiu ankaŭ fariĝis la mia - mi deziras sukcesojn en la nomo de la por ni ĉiuj komunaj celoj: interkomprenigo, amikeco kaj kunlaboro, venko de la ideo de firma paco sur la Tero!*

## TELEGRAMO DE LA GENERALA SEKRETARIO DE UNESKO

Dankon, ke vi invitis min ĉeesti ĉi tiun historian 72-an Universalan Kongreson de Esperanto en Varsovio kaj mi sincere bedaŭras ke mi ne povas ĉeesti.

Esperanto konstante pruvis sian valoron kiel bonega perilo de interkomprenigado inter popoloj kaj kulturoj kaj grave kontribuas al paco en la mondo. Mianome kaj nome de Unesko mi deziras al ĉiun sukceson por la kongreso kaj esprimas mian esperon ke multaj homoj en la mondo, kiuj sin dediĉas al la evoluigo de ĉi tiu lingvo, povas daŭre rikolti la frukton de siaj admirindaj strebadoj.

Unesko restas preta provizi helpon ene de siaj disponeblaj rimedoj kaj ripetas sian apogon por la celoj, kiuj inspiris doktoron Zamenhof krei Esperanton kaj kiuj estas paralelaj al la fonda spirito de Unesko. Bondezirojn!

Amadou Magdar M'Bow

por antaŭenigi la pacon." Donante varman apogon al la varsovia Kongreso, li konkludis: "Ni aprezas vian entuziasmon kaj plenkore subtenas vin."

La longa vico de nomoj de ĉeestantaj diplomatoj kaj reprezentantoj de landaj Asocioj kaj aliaj iokaj movadoj reliefigis la tutmondecon de ĉi tiu Kongreso. Aparte varman aplaŭdon ricevis la diplomatia reprezentanto de Israelo, pro sia bela saluto en perfekta Esperanto, kaj la esperantistoj afrikaj. Ankaŭ la 31 partoprenantoj de la Infana Kongreseto elvokis entuziasman bonvenigon.

S-ro Yosimi Umeda, anoncis du malavarajn donacojn al UEA: la Premion Onisaburo Deguĉi, aljuĝotan dum la Tago de Paco al homo, kiu elstare kontribuis al realigo de la celoj de al realigo de la celoj de la Asocio, kaj la financan bazon por la fondo de Azia Oficejo de UEA.

Tempo malpermesis legadon de ĉiuj ricevitaj salutoj, sed aparte menciindas tiu de la ĝenerala direktoro de Unesko, de la prezidanto de Islando kaj de la prezidanto de la sveda parlamento, Ingemund Bengtsson.

La finan festparoladon de d-ro Tonkin, brilan inspiran superrigardon pri la tumulta, kontraŭprobabla historio de nia lingvo kaj pri ĝiaj perspektivoj por la dua jarcento, vi povos legi en nia morgaŭa eldono. Per la tondra aplaŭdo kiu ĝin sekvis, per la komuna kantado de la Himno kaj per la fina saluto de d-ro Tonkin: "Sukcesan kongreson!", oficiale inaŭguriĝis la 72a Universala Kongreso de Esperanto kaj la dua jarcento de nia lingvo, kulturo kaj movado.

## Radio Polonia

### RADIO POLONIA INVITAS !

Lunde, la 27an de julio, je la 16a horo en la salonego BAUDOUIN DE COURTENEY (kinejo "Mloda Gwardia") komenciĝos renkontiĝo de la aŭskultantoj de radiostacioj utiligantaj Esperanton. La renkontiĝon organizas la E-redakcio de Radio Polonia en kunlaboro kun LKK. Radio Polonia tutkore invitas ĉiujn reprezentantojn de la diversaj radiostacioj, kiuj ĉeestas la kongreson, veni al la renkontiĝo. Oni esperas, ke la kunveno taŭgos por spert-interŝanĝo, opini-prezento ktp. Eble ankaŭ ellaboro de iuj planoj por estonta plivastigo de la utiligo de Esperanto en radiofonioj de la mondo. Oni petas pripensi la respondon i.a. al la jenaj demandoj: Kiel popularigi la elsendojn inter la esperantistoj? Kiel plivastigi la uzadon de Esperanto en la radio?

Dum la kunveno estos enmanigita bronza festmedalo al s-ro Norbert Merkens (FRG), aŭtoro de la centmila letero veninta pasintjare al la E-redakcio de Radio Polonia.

## Anonceto

La 26-an (dimanĉo) ĉe la strato Elektoralna 12 je la horo 18.oo oni malfermos "Varsovian Kulturcentron" - ĉiuj aranĝoj -
SEN BILETOJ!

Ĉiuj aranĝoj kiuj okazos en Kongresejo (krom tiuj en salono Ludoviko) estas
SEN BILETOJ!

*

La planita por lundo malfermo de la ekspozicio de s-ro Gałczyński ne okazos, ĉar la ekspozician materialon oni ne kunportis el Krakovo.

GRAVEGA!

La oficejo de "Orbis" urĝe serĉas tre bonan interpretiston, kiu estas preta sen antaŭa preparo interpreti la enhavon de popola nuptofesto, kiun oni prezentos en Bogusławice dum la kongresa ekskurso la 27an de julio. Eventualaj kandidatoj sin anoncu al la ĉambro de LKK n-ro 25 (IV-a etaĝo).

## Vetero

### VETERPROGNOZO

Por lundo oni antaŭvidas en Varsovio pasemajn pluvetojn. Estas rekomendinde kunporti pluvombrelon. Tamen ĝenerale estos sufiĉe varme, do ne necesas uzi varman vestaĵon.



### ATENTON MINISTOJ !

La ministoj kaj laborantoj de parencaj branĉoj estas invititaj partopreni renkontiĝon, kiu okazos en la domego de la Minindustria Ministerio ĉe la str. Krucza 36, ĉambro n-ro 345, lunde la 27an de julio je la 17a horo. Apude vi trovos mapeton, kiu faciligos al vi la alvenon. Perpiede oni povas atingi la konferencejon dum 10-15 minutoj promenante ekde la kongresejo.





# KONGRESA KURIERO



1887-1987

JUBILEA 72-A KONGRESO DE ESPERANTO. VARSOVIO 1987

DUA NUMERO 1987-07-27

SOLENA INAŬGURO DE LA JUBILEA U.K.:

## FESTPAROLADO DE H. TONKIN

*Karaj Gekolegoj!*

*Antaŭ cent jaroj, ĝuste en la hodiaŭa tago, en presejo apud nia nuna kongresejo, aperis malgranda libro. Ĝi nomiĝis, en la rusa lingvo, "Lingvo Internacia". Ĝi priskribis simplan, bazan projekton de lingvo por faciligi la internacian komunikadon. Ĝia aŭtoro kaŝis sin malantaŭ la nomo "Doktoro Esperanto".*

*Malmultaj estis la homoj, kiuj profetis korekte la estontecon de tiu libro. La presistoj, kiuj ĝin kompostis, kaj pasigis tra la presilo, apenaŭ povis scii, ke, cent jarojn poste, kolektiĝos en Varsovio sesmil homoj el sepdeko da landoj por festi la finfaron de tiu simpla preseja tasko. Malmultaj estis la homoj, eĉ inter tiuj, kiuj aĉetis la libron, kiuj povis ĝuste antaŭvidi, ke tiu eta kaj modesta broŝuro semos semon, kiu disbranĉiĝos en plenan kaj vivipovan lingvon, kiu etendiĝos en ĉiun angulon de la terglobo, kaj estos uzata por ĉiuj taskoj, ĉiuj funkcioj, por kiuj la homaj lingvoj estas uzataj.*

*Malmultaj estis la homoj, kiuj povis profeti la grandajn ŝanĝojn, la grandajn eventojn, kiuj trafos la mondon en tiu jarcento de tiam ĝis hodiaŭ. Eble la spirito de optimismo de 1887 profetus la aviadilon, la televidon, la spacveturadon, la komputilon. Eble ĝi profetus la grandajn gajnojn kontraŭ malsano kaj malriĉo, kontraŭ analfabeteco, kontraŭ malsato, kiujn registris nia jarcento. Eble ĝi povos antaŭvidi la konsciiĝon pri la homaj rajtoj, pri la rajtoj de virinoj, pri la rajto al demokrata partopreno en la socio , kiuj en nia epoko estis kodigitaj en la Universalan Deklaracion de Homaj Rajtoj kaj aliajn dokumentojn.*

*Eble ĝi povos antaŭvidi la kreon de la Ligo de Nacioj kaj poste la fondon de Unuiĝintaj Nacioj, ĉar jam en tiu epoko la sopiro al supernaciaj organizaĵoj, kiuj helpu la naciojn vivi en paco, estis granda.*

*Sed ĉu tiuj legantoj de la Unua Libro, kaj tiuj laboristoj, kiuj ĝin presis, povus scii ke interne de tridek* ▼

## INFORMAGENTEJOJ PRI LA KONGRESO

"Kiuj informagentejoj informas pri la Kongreso?" - Ĉi tiun demandon ofte metas al la Gazetara Servo diversaj kongresanoj. Ni respondas, ke la pola Informagentejo PAP diskonigas ĉiutage informojn pri la Kongreso ne nur pollingve, sed ankaŭ anglalingve al eksterlandaj klientoj, kiuj abonas la informservon de PAP. Sed oni ne scias, kiuj gazetoj utiligas la materialon. Aliflanke kelkaj informagentejoj (i.a. DPA, AP, Sinhua) ricevis de ni informojn kaj espereble uzis ilin.

La polaj amaskomunikiloj informas pri la Kongreso eksterordinare vaste. Pri la inaŭguro oni raportas kun fotoj sur la ĉefaj paĝoj de ĉiuj ĵurnaloj, la radio kaj televido eĉ kelkfoje ĉiutage raportas pri la Kongreso tre objektive, emfazante la plivastiĝon de la faka aplikado de la lingvo, kio parte speguliĝas en la kongresa programo.

## "ESPERANTO 100-JARA"

Internacia scienca simpozio "Esperanto 100-jara" okazos de la 28-a ĝis la 30-a de oktobro 1987 en la Universitato de Vieno. Temoj: DLT-progresoj (Schub- ▷

jaroj tuta Eŭropo plonĝos en la nokton de la plej granda milito, kiun iam ajn spertis la homaro? Ĉu ili imagus ke ĉiuj tiuj eltrovoj de la scienco kaj la tekniko, kiuj levos la vivnivelon de la homoj, faciligos al ili la ĉiutagan vivon, pligrandigos ilian vivosperton - ĉu ili imagus, ke ili ĉiuj havos ankaŭ sian malluman flankon, kaj ke la brila tekniko kiu alportos vivon ankaŭ portos morton? La sensencan detruon de tiu unua mondmilito ni ŝuldas al la teknika progreso, per kiu unu nacio povis ĵeti kontraŭ alia armilojn neniam antaŭe eltrovitajn. Tiu brila progreso, kiun ili tiel admiris, detruis Dresdon, detruis Coventry, kaj, en fina paroksismo de neniismo, detruis Hiroŝimon. Tiu brila teknika progreso forbuĉas hodiaŭ grandan parton de la fruktoj de la ekonomio de la diversaj landoj en la formo de armiloj. Kaj dum la grandaj potencoj provizadas sin per atomarmiloj, la tria mondo aĉetas pli simplajn armilojn je egala kosto al iliaj malbrilaj ekonomioj. Senprecedenca estas la nombro de lokaj militoj, kiuj hodiaŭ makulas la terglobon. Senprecedence multnombraj estas la rifuĝintoj de tiuj militoj.

Kaj la tekniko, kiu faris la tankojn kaj la militaviadilojn, kiu faris la atombombojn kaj la militraketojn, estis tiu sama tekniko, kiu eltrovis novajn metodojn por persekuti la homojn pro la raso al kiu ili apartenas, la religio, kiun ili kredas, la lingvo, kiun ili parolas. Temas pri la sama tekniko, kiu inventis la gasejojn kaj la fornojn, kiujn neniu homo, tie ĉi en Varsovio kunvenanta, por festi la centjariĝon de Esperanto, povas plene forgesi.

Ĉu la legantoj de tiu Unua Libro povus antaŭvidi, ke la Familio de ĝia aŭtoro malaperos preskaŭ sen spuro, same kiel malaperos la domoj, en kiuj ili loĝos, kaj la varsoviaj stratoj, kiujn ili promenos?

Ludoviko Zamenhof utiligis kaŝnomon almenaŭ parte por eviti identigon de la Lingvo Internacia kun lia aparta homgrupo, lia specifa medio. Kaj okazis rimarkinda transformiĝo. Preskaŭ senpense, kvazaŭ sekvante la normojn, kiujn sekvas ĉiu homa lingvo en sia evoluo, la parolantoj de la lingvo de doktoro Esperanto komencis atribui tiun nomon ne al la homo sed al la lingvo - la personeco de Doktoro Zamenhof kaj la fakto de la lingvo internacia komencis apartiĝi, kaj la kaŝnomo de la modesta doktoro transmoviĝis al lia lingvo. Dum Doktoro Zamenhof sekvis sian simplan sed laborplenan vojon, instigante la esperantistojn al ĉiam pli forta laboro, verkante, tradukante, revante pri ĉiam novaj projektoj por proksimigi la homojn, pli kaj pli da personoj lernis kaj uzis kaj fleksis kaj riĉigis la lingvon Esperanto. Kaj kiam en 1917 Zamenhof mortis, Esperanto tamen vivis.

Ĝi vivis tra ĉiuj ŝtormoj, ĉiuj uraganoj - tra la skismo de Ido, tra la skuoj de la Unua Mondmilito, tra la korŝira malsukceso ĉe la Ligo de Nacioj, tra la persekutoj de la 30aj jaroj, tra la katastrofoj de la Dua Mondmilito. Ĝi vivis spite al antaŭjuĝoj, spite al superteraj reformoj, spite al organizaj fuŝoj, spite al ĵaluzoj kaj kvereloj.

(daŭrigo venontkuriere)



art), Propedeutika valoro de Esperanto (Frank), Kial Esperanto estis atakata (Lins), La estiĝo de la E-Socio (Tonkin), Psikologiaj reagoj al la vorto Esperanto (Piron), rolo de Esperantlingva verkisto (Silfer), Tipologio de Esperanto (Dack, Companys), Teorio de tradukado (Maas), Komparo inter la unuaj libroj de Schlayer kaj Zamenhof (Haupenthal) kaj aliaj.

INFORMOJ DUM LA UK: Kunsido de CED; lumverda afiŝo. ADRESO: Simpozio "Esperanto 100-jara", Pf. 92 A-1183 Wien, Austrio.

(Kunsido de CED marde, je la 13-a horo, salono KLEMENTISIEWICZ.)

*

## RAPORTO

### PRI LA ANTAŬTAGMEZA PROGRAMO DE LA TAGO DE LA PACO

Enkondukis ĝin s-ro Umeda Yosimi, gvidanto de la tago.

S-ino Galina Stanoŝnikova komencis per kanto: "Min atendu sen forgesi".

La veterano s-ro Deguchi Kyotao el Japanio substrekis la harmonian kunvivadon de la homoj.

Sekvis s-ro Hans Meinel el GDR, kiu parolis pri sia junaĝo, pri la edukado en naziaj/faŝismaj tempoj.

S-ro Zhang Qicheng el Ĉinio parolis pri la temo



"Per Esperanto por lingva egaleco".

S-ro Roelofs el Nederlando parolis pri la influo de mono rilate al milito.

F-ino Kitabatake Hitomi rakontis doloriĝan sperton en Ĉinio, kiu dank' al Esperanto mildiĝis.

S-ino Ursula Grattapaglia, kiel la lasta parolanto emociigis la aŭskultantaron per siaj personaj travivaĵoj en Berlino kaj Pollando.

La programo havis kvar muzikajn paŭzojn. Kantis Anjo Amika el Hungario kaj tri ensembloj el Sovetunio.

S-ro Umeda Yosimi resumis la enhavon de la antaŭtagmezo kaj invitis la partoprenantojn reveni posttagmeze, kiam i.a. la televido filmos transdonadon de la diplomo "Onisaburo DEguchi".

(L.Demmendaal)

# EKSPOZICIOJ

## KONGRESAJ EKSPOZICIOJ

Ni informas, ke la ekspozicioj en la kongresejo troviĝas en ses lokoj:

1) la koridoro malantaŭ la Kongresa Salonego (Artaĵoj de esperantistoj)
2) apud la Salonego Kabe (Junularaj kaj infanaj afiŝoj)
3) malsupre apud la liftoj en la Kafejeto (Fotografaĵoj de Ake Rohdin el Svedio)
4) 4-a etaĝo, malantaŭ la Libroservo (Polaj E-aj libroj)
5) 4-a etaĝo, anekso al Hodler, salono Bujvid (Vojaĝanta ekspozicio de UEA)
6) 4-a etaĝo, salono Dratver (filatelaĵoj de Rudolf Burmeister el GDR).

## "80 JAROJ DE BEA"

Bulgara E-Asocio, Bulgara Kultura Centro en Varsovio, str. Swietokrzyska 32 afable invitas vin partopreni la inaŭguron de la jubilea ekspozicio "80 jaroj de Bulgara E-Asocio", kiu okazos la 28-an de julio je la 17a horo en la sidejo de la Bulgara Kultura Centro.

## FILATELA E-EKSPOZICIO MALFERMITA

Dimanĉe matene, antaŭ la kunveno kunveno de E-filatelistoj, malfermiĝis impona filatela E-ekspozicio en la salono Dratver, apud la enirejo de la Libroservo. Sur entute 340 folioj videblas abundo de Esperanta filatela materialo en 5 sekcioj. La unua prezentas la konkuran eksponaĵon pri la historio de Esperanto de Rudolf Burmeister sur 80 folioj. La dua prezentas ĉiujn ĝis nun aperintajn E-poŝtmarkojn. La tria sekcio prezentas E-poŝtstampojn el 40 landoj kaj en la kvara videblas ĉiuj ĝis nun aperintaj E-stampoj. En la kvina parto videblas elekto de poŝtaj tutaĵoj pri Esperanto.

La ekspozicion preparis E-filatela sekcio de GDREA kune kun la Pola Filatelista Asocio.

## FOTOEKSPOZICIO

En la parko Lazienki estas aranĝita fotoekspozicio VARSOVIO EN ZAMENHOF-TEMPOJ, kiun devus vidi ĉiu kongresano, por iomete senti la etoson de la tagoj, kiam naskiĝis Esperanto. El la ekspoziciataj fotoj menciindas precipe raraj fotoj de Zamenhof.

# Kulturo

La 27-an kaj la 28-an de julio je la 19-a horo okazos en la salono FELIKSO, sur la 4-a etaĝo en la kongresejo (kinejo "Wiedza") teatra spektaklo de Janusz Korczak "Vizaĝoj kaj maskoj", kiun prezentos geaktoroj Wanda Neuman kaj Wiesław Nowicki kaj flutistino Maria Wilska.

"Vizaĝoj kaj maskoj" estas la unua spektaklo de Gdanska Esperanto-Teatro. La humanismaj valoroj de la prozo de J. Korczak, elstara pola verkisto kaj pedagogo, estas tre proksimaj al principoj de E-movado - temas ja pri vera kaj aŭtenta interpersona komunikado, pri aliro al gravaj problemoj el ĉiu angulo de la mondo.

# Programo

## PROGRAMŜANĜOJ

LA PIAN-RECITALO de Teresita Inés Aleniz el Argentino okazos en la Reĝa Kastelo, la 28-an de julio je la 17-a horo. La koncerton povas partopreni nur tiuj kongresanoj, kiuj sukcesis akiri la biletojn en la giĉeto "Artaj Aranĝoj".

## INTERNACIA KONGRESA UNIVERSITATO

Laŭ la peto de D-ro Hans Eichorn ni atentigas la interesiĝantojn, ke lia prelego okazos marde la 28-an de julio je la 14-a horo en la salono Kalocsay. La dua prelego de D-ro Wells okazos ĵaŭde la 30-an je la 15-a horo.



## PERDO

Tove Jyding, kongres-numero 2486, perdis sian monujon. Honesta trovinto povas ĝin transdoni al ŝi en la hotelo NOVOTEL.

## NOVAJ LIBROJ

En la sidejo de la Libro-Servo (4-a etaĝo) estas aĉeteblaj kelkaj tute novaj libroj, i.a. la reeldonita "Fundamento de Esperanto" de Ludoviko Zamenhof, la Unua Libro de Zamenhof por Poloj (fotorepreso de 1887), "Sinjoro Tadeo" de Adam Mickiewicz en la majstra traduko de Antoni Grabowski k.a.

## LIBRO-PREZENTADO

Marde je la 12-a horo, en la ekspoziciejo de Polaj Eldonaĵoj, en la 4-a etaĝo de la kongresejo, maldekstre de la salono Privat, estos prezentataj la libroj de Edistudio por la Jubilea Jaro. Temas pri la plena poemaro de nia granda poeto William Auld "En barko senpilota", bindita volumo de preskaŭ 900 paĝoj, kaj la dua rakont-kolekto de Bernard Golden "Pestoj kaj homoj". Ĉiuj kongresanoj sentu sin invititaj de la aŭtoroj kaj eldoninto veni, vidi, kaj kapti la okazon aĉeti. KONGRESA KURIERO petas la aŭtorojn veni je la 12-a horo kaj aŭtografi siajn verkojn.

## NATURAMIKOJ

En belega regiono de Jugoslavio (riveroj, lagetoj, kanjonetoj, grotoj, monolitoj, arbaroj kaj herbejoj) ni konstruas Esperanto-Domon ĉiujare en aŭgusto. Ni atendas vin post la kongreso! Bv. informiĝi en la redakcio aŭ skribe ĉe: Esperanto-Domo, YU-79285 Gornja Sanica (Tel. 07971041, Turisma societo).

## RADIOAMATORA KONGRESA STACIO

Okaze de la 72-a UK oni funkciigis laŭ la iniciato de Wiesław Dyduch amatoran radiostacion kun la voksigno "SP Ø UEA". La stacio estas aŭdebla sur ĉiuj kurt- kaj ultrakurtondaj radioamatoraj bendoj. Ĝis nun anoncis sin i.a. junaj kolegoj: Martin OK1MCW el Ĉeĥoslovakio, Wolf Y23HE el GDR, Rami 4Z4LX-IS.

La radiostacio estas instalita en la JUnulara Palaco (flanka enirejo). La deĵoroj ricevoblaj tunde je la 16-a horo, - ni invitas ĉiujn radioamatorojn al la radiostacio por babili kaj sekvi la kontaktojn en la etero.

> VEGETARANOJ!
>
> Bv. atenti, ke la Konferenco de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio okazos marde la 28-an de julio en la salono Hodler!




## OMAĜO ĈE LA TOMBO DE L. ZAMENHOF

Pro la giganteco de la 72-a UK oni ne organizos komunan viziton de la tombo de L. Zamenhof en la Juda Tombejo ĉe la strato Okopowa en Varsovio. La kongresanoj estas petataj iri tien unuope aŭ grupe, kelkaj landaj asocioj intencas organizi grupajn vizitojn de la tombejo. Utiligu la okazon dum la kongresa semajno! Al la JUda Tombejo oni veturas de la kongresejo (de la magazeno SAWA, vidalvide) per la buso n-ro 180 (finhaltejo), aŭ per taksio.



## VETERPROGNOZO POR MORGAŬ:

Unu el la kongresaninoj, kiu estas specialistino pri vetero, in-aŭguras por morgaŭ: plue regos malvarmeta vetero, denove estas antaŭvidataj pluvetadoj. Estas konsilinde kunpreni en la kongresejon varman puloveron kaj pluv-ombrelon.



*************************

Kongresa Kuriero de la 72-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio. Redaktas: Stano Marček kaj Andrzej Pettyn. Enpaĝigo: Stano Marček.




# KONGRESA KURIERO



JUBILEA 72-A KONGRESO DE ESPERANTO, VARSOVIO 1987

TRIA NUMERO 1987-07-28

SOLENA INAŬGURO DE LA JUBILEA U.K.:

## FESTPAROLADO DE H. TONKIN

(Daŭrigo el la hieraŭa Kuriero.)

*Zamenhof nomis la fruajn adeptojn de la Lingvo Internacia "esperantoj": "Rapide kreskas la afero per laboro de la esperantoj." Lia poemo "La Espero" tiel implicas, ke la parolantoj de tiu lingvo aliĝas al la rondo familia" de Doktoro Esperanto: ili fariĝas Esperantoj. La historion de lia lingvo, spite al la obstakloj, spite la renversojn, punktas belaj sukcesoj, kuraĝaj agoj. Ni memoras la tradukon de "Hamleto", ni memoras Boulogne-sur-Mer, ni memoras la fortajn pionirojn - Grabowski, Kazimierz Bein, Privat, Hodler. Ni memoras tiujn, kiuj tra la Unua Mondmilito laboris pere de Esperanto por ligi parencojn trans la batalado de oponaj armeoj. Ni memoras Kalocsay kaj Baghy. Ni memoras Cseh. Ni memoras la sukcesojn en Montevideo kaj Sofio. Ni memoras la kongresojn en Tokio kaj Pekino.*

*Ni ankaŭ memoras la personajn momentojn, kiuj vivigis Esperanton por nia unua renkontiĝo kun eksterlandanoj, nian unuan konsciiĝon, ke tiu ĉi stranga kombinaĵo de lingvaj elementoj, nete pakumita, bele ligita de la dek ses reguloj, fundamentita, kunmetita, afiksita - kun siaj akuzativoj kaj korelativoj - siaj o-oj kaj n-oj kaj e-oj - efektive funkcias, efektive vivas, efektive esprimivas. Se Zamenhof mortis, se herboj kreskas sur la ruinoj de iama Varsovio, Esperanto vivas, kaj prosperas. Kaj se ni kaj niaj kolegoj maljuniĝas en nia kunlaboro, vivas laste la esperantoj. Ili ĉirkaŭas nin tie ĉi, kaj ili portas nian lingvon en la estontecon.*

*Kion alportos tiu dua jarcento al Esperanto? Same kiel la unuaj adeptoj de la lingvo de doktoro ESperanto, same kiel la laboristoj, kiuj presis tiun broŝureton, ni apenaŭ povas profeti. Unu afero estas tamen tute klara: la lingvo mem, kiu pasis tra la fandejo de cent jaroj de evoluo, brile sukcesis. Neniu, kiu ĝin uzas, povas dubi, ĉu ĝi estas lingvo plena kaj kompleta. Neniu, kiu uzis ĝin en la scienco, aŭ legis ĝian literaturon, povas tion diri - eĉ se necesas daŭre ĝin modernigi kaj ankoraŭ kompletigi. Sed se ĝi brile sukcesis kiel lingvo, ĝi ankoraŭ ne brile sukcesis kiel lingva komunumo - la plejparto de la homoj ankoraŭ ne parolas ĝin, eble eĉ neniom scias pri*

▼

## TRANSDONO DE LA PREMIO ONISABURO DEGUĈI

En la komenco de la posttagmeza programo de la Tago de la Paco, la nova premio de UEA, Onisaburo Deguĉi, estis solene transdonita al la premiito s-ro Hans Bakker. Transdonis la premion la prezidanto de UEA, Humphrey Tonkin, kune kun s-ro Kyotaro Deguĉi, la prezidanto de EPA.

S-ro Bakker ricevis la premion pro sia laboro disvastigi Esperanton en la Tria Mondo. Sub lia gvido kunlabora reto traktis pli ol 5000 informpetojn el diversaj afrikaj landoj, kaj ĉi-momente ĉirkaŭ 350 afrikanoj lernas la Internacian Lingvon per korespondaj kursoj, dum pliaj 200 per lokaj kursoj. La 41 Esperanto-kluboj kaj kvar landaj asocioj de Afriko, por ne paroli pri la dek tri kapablaj esperantistoj ĉeestantaj ĉi tiun kongreson, amplekse atestas al la efikeco de lia agado.

La premio konsistas el diplomo, japana pupo, kaj monsumo kun egalvaloro de 4000 nederlandaj guldenoj. La pupo estas aparta donaco de la Esperanto-amikaro de Oomoto.

Dum la transdono de la Premio la afrikaj amikoj de Hans venis sur la podion por tiel videbligi kaj apogi lian laboron. En sia akcepta parolado Hans Bakker substrekis la fakton, ke precipe utiligado de Esperanto estas malfacila por afrikanoj. Tial li alvokis lokajn grupojn kaj landajn asociojn ĝemeliĝi kun lokaj movadoj en Afriko kaj subteni ilin praktike kaj morale.

▷

*ĝi. Ni havis niajn sukcesojn tiurilate: jen okazis sukcesoj informkampanjaj aŭ instruagadaj, jen oni akiris oficialan rekonon, jen fakuloj serioze ĝin traktis. Sed la granda laboro restas antaŭ ni.*

*Ĝi estas ja giganta laboro. Ĝi estas nenio alia ol konvinki la homojn, ke Esperanto prezentas la plej bonan solvon al la lingvaj problemoj de la mondo. Ĝi tion faras ĉar ĝi estas facila kaj facile lernebla. Ĝi tion faras ĉar ĝi estas neŭtrala. Ĝi tion faras ĉar ĝi traktas ĉiujn homojn en spirito de egaleco. Neniu alia lingvo tion faras. Tiuj aliaj lingvoj prezentas pseŭdosolvojn, kiuj privilegias certajn homojn super aliaj kaj kiuj disvastigas certajn kulturajn valorojn kaj ne aliajn. Ili foje bele aspektas, ili foje aspektas nehaltigeblaj, sed ili ne solvas la fundamentajn problemojn, kiujn Zamenhof celis solvi. Ja finfine lia lingvo estis kaj estas pli ol proponata solvo de la lingva problemo: ĝi estas provo alfronti la spiriton de malegalo, de netolero, de malamo, kiu tiel disŝiras nian belan kaj serenan mondon.*

*Multaj parolantoj de Esperanto ĝuas sian lingvon, kaj ĝin uzas, sen granda entuziasmo ĝin disvastigi. Al ili sufiĉas la kongresoj, ilia loka klubo, okazaj libroj aĉetitaj de la libroservo. Eĉ ĝenus ilian komfortan kaj hermetikan mondon subita alfluo de novaj lernantoj, novaj adeptoj. Ja per simpla utiligo de la lingvo ili helpas ĝian lingvan pliriĉigon. Sed, karaj gekolegoj, tio ne plu sufiĉas. Venas nun la periodo de disvastigo. Ni kreis murojn ĉirkaŭ ni: sekuraj en niaj kluboj kaj kongresoj, ni ne bonvenigas adekvate la novulojn, ni ne sufiĉe pledas por nia lingvo, ni ne alfrontas la publikon, ni ne agas sufiĉe discipline kaj celkonscie. Dirante tion, mi neniun akuzas, mi neniun kritikas. Mi simple faras tiun ĉi konstaton: ke la lingvo ekzistas unue por disvastigi, due por ĝui. Fojfoje ni inversigas tiun ordon, kaj forgesas nian veran celon.*

*Kiam Zamenhof kreis sian lingvon, li kaj liaj samtempuloj optimisme rigardis la estontecon. Ili opiniis problemojn solveblaj. Ili kredis je la prospero. La posta jarcento montris, ke ili pravis kaj ne pravis: ke altiĝis la intenseco de la sukcesoj kaj samtempe la intenseco de la malsukcesoj. Sed ni ne forgesu, ke, malgraŭ ĉio (kaj malgraŭ tio, ke la pliboniĝo ne estas universala), pliboniĝis la homa kondiĉo tra la pasintaj cent jaroj. Plivastiĝis la egaleco. Pligrandiĝis la demokratio. Necesas nun lerni la saman lingvon, por ke komune, solidare, en spirito de komprenigo, ni povu fronti kuraĝe la problemojn de la moderna mondo - laŭ la ekzemploj de Zamenhof kaj kun la sindediĉo, saĝeco kaj klarvido de realismaj esperantoj.*

FILMO SINKRONIZITA EN ESPERANTO:

## PREMIERO DE "IE EN EŬROPO"

Sensacion kreis unua elmontro de "Ie en Eŭropo" lunde je la 12-a horo en la salono Kabe. Jen historie grava filmo, la unua postmilita, produktita en Hungario, en kiu la rolufoj ĉiuj parolas Esperanton. Aŭ almenaŭ ŝajnas tiel! Bando de infanoj, militorfoj, vagas tra la ruinigita kamparo, ŝtelante kaj rabante por vivteni sin. Finfine ili trovas iun hejmon: Sed ĉu la polico kaj farmistoj lasos ilin en libero?

La hungara sinkronizisto, István Vajda, mem ĉeestis la premieron, kvankam li mem ne parolas ESperanton. Jam antaŭ du jaroj li pripensis la sinkronizon de iu hungara filmo en fremdan lingvon, sed nur pasintjare kaptis lian atenton artikolo pri la Jubileo, kaj nur en majo ĉi-jare estis pretaj la aranĝoj por pretigi la filmon.

La sukceso de tiu ĉi provo povus konduki al brila serio de monde konataj filmoj, sinkronizitaj en Esperanto kaj videobende registritaj por aĉeto. S-ro Vajda estis entuziasma pri la eblecoj, sed substrekis la necesom de antaŭe garantiita financa bazo (ĉiu filmo kostus po 20-30 mil germanaj markoj por produkti). Interesitoj turnu sin al UEA aŭ HEA por pliaj detaloj.

"Ie en Eŭropo" estos spektebla plurajn fojojn dum la semajno en salono Kabe. Konsultu vian programon kaj Kongresan Kurieron por detaloj.

(M.Fettes)

Kongresa humurbukedo de Stano Marček kaj Stano Markovič (Ĉeĥoslovakio).






## ESPERANTOLOGIA KONFERENCO

En la ĉeesto de ĉ. 150 esperantologoj kaj interesitaj personoj inaŭguris la 27-an de julio je la 9-a horo prof. Tonkin la 10-an - do certasence ankaŭ jubilean Esperantologian Konferencon. Li mallonge skizis la evoluon de la aranĝo dum 10 jaroj, emfazante gravan kreskon de la intereso pri esperantologia problemaro inter specialistoj ene de la movado kaj ekster ĝi kaj prezentis la programon de la nuna konferenco. La kungvidanto de la konferenco, D-ro Ratkai el HUngario, prezentis la inaŭguran prelegonton, D-ron Ulrich Lins, konatan historiiston de E-movado. Transpreninte la parolon D-ro Lins precizigis, ke li ne parolos pri la tuta historio de Esperanto, sed pri la plej gravaj historiaj verkoj kaj fontoj Esperantaj aŭ alilingvaj. La resumoj de la konferencaj prelegoj estas publikigitaj en "Informilo por Interlingvistoj", n-ro 2/87.

(J. Uŝp.)

# Programo

## PROGRAMŜANĜOJ

### FILMPREZENTADOJ

Krom la filmprezentadoj, menciitaj en la programo, okazos en la sama kinejo:

"IE EN EŬROPO"

"POST 20 JARCENTOJ"

Ambaŭ filmprezentadoj okazos ĵaude la 30-an je la 15,30 h.

### TEATRAĴO

Ni informas vin, ke hodiaŭ (marde, la 18-an) okazos aldona prezentado de Gdanska Esperanto-Teatro: Janusz Korczak - "Vizaĝoj kaj maskoj" - en la salono Felikso (kinejo "Wiedza"), sur la 4-a etaĝo, je la 18-a horo.

LKK

### LA KRIZALIDO TEATRO

Jen kelkaj informoj pri la teatro Krizalido, kiuj mankas en la Kongresa Libro:

"LA PLEZURO DISIGI: de Jules Renard (1893) - okazos merkrede je la 18-a kaj vendrede je la 20-a horo en la teatro Lalka.

"AMINDA KRETENINO" de Francois Boyer (1971) okazos marde kaj merkrede je la 20-a horo kaj vendrede je la 21-a horo (samloke).

PREMIERO "LA SERENADO" okazos dimanĉe je la 18-a kaj lunde je la 17-a en Hybrydy.

## SOLDATO "ŜVEJK"

Ĵaŭde je la 14-a horo okazos en la klubejo "Hybrydy" aldona teatra spektaklo de "Travivaĵoj de la brava soldato Ŝvejk"!

## LA 50-A ESPERANTO-POSTMARKO

Ĝuste en la tago de la inaŭguro de la 72-a UK aperis la 50-a E-poŝtmarko en la historio de Esperanto. Eldonis ĝin Ministerio de Poŝto kaj Telekomunikado de Ĉina Popola Respubliko kaj dank' al la internacia helpo de E-istoj vi povas ĝin admiri kune kun 49 aliaj E-poŝtmarkoj en la filatela ekspozicio apud la libroservo. La poŝtmarkon akompanas unuataga koverto kaj memorigaj poŝtaj E-stampoj el 10 ĉinaj urboj.




## LA KONGRESA LABIRINTO

La redakcion de KOngresa Kuriero ofte vizitas la kongresanoj kaj jen demandas, jen plendas pri la fakto, ke en la kongresejo mankas orientiĝ-helpiloj... Jen bildo, kiu fin-fine atingis la redakcion, kaj kiu montras la dislokiĝon de la salonoj sur la 4-a etaĝo.



Por tiuj, kiuj ne havas la INFORMILON, ni ripetas almenaŭ nomojn de la salonoj en la ceteraj etaĝoj:

Unua (ter-)etaĝo: Kotarbiński, Kafejeto, Kabe (kinejo "Przyjaźń"), Baudoin de Courtenay (kinejo "Mloda Gwardia"), Liftoj supren.

Dua etaĝo (tra kiu oni eniras la kongresejon): Fabiano (akceptejo), Tuwim, Spegula (arteksponzicio), Ludoviko (la Kongresa Salonego), poŝtoficejo. Sesa etaĝo: Grabowski, Belmont. Oka etaĝo: Csoh, Zawada, Zakrzewski, Sygnarski.

## Anoncetoj

### INTERNACIAJ EKZAMENOJ DUM LA JUBILEA U.K.

Dum nia Kongreso okazos Ekzamenoj de UEA kaj ILEI (element- kaj mezgradaj):
Dato: vendrede la 31-an.
Loko: Salono Privat
Tempo: 08.00 ĝis 09.00: registriĝo kaj instrukcioj.
09.00 ĝis 10.30: Skriba ekzameno (element- kaj mez-grada)
10.30 ĝis 12.00: Parolaj ekzamenoj (elementa,meza)
Kotizo: 25 guldeon aŭ 3000 zł.
Atentigoj: La kandidatoj estu surloke akurate je la 8-a horo Helpiloj (ekz. vortaro) ne estas permesataj. Oni havu du skribilojn; ne uzu ruĝan inkon. La ceteraj informoj ĉe s-ino Irena Szanser.

□ □ □

### LA VOĈO DE ZAMENHOF KAJ ALIAJ SONKASETOJ

En la Libro-Servo haveblas unika sonkaseto kun la voĉo de Ludoviko Zamenhof. La sonkaseto enhavas ankaŭ la himnon "La Espero" kaj E-kanzonojn pri Varsovio en la plenumo de A. Tomecki. Tre rekomendinda! Same aĉetinda estas la 4-kaseta parol-ekzercaro eldonita de POLFRAKT, kies ekzercojn legas la plej elstaraj polaj aktoroj kaj parolistoj. Se vi volas akiri bonan prononcadon kaj profundigi vian parol-kapablon, tuj havigu al vi la kompleton de la sonkasetoj. Ili estas uzeblaj kun aŭ sen lernolibro.

□ □ □

### VIDEOBENDO KUN FILMO "ESPERANTO" (DOBRZYNSKI)

La videobendo kun la filmo "Esperanto" de Roman Dobrzynski estos baldaŭ aĉetebla. Bv. informiĝi en la hotelo Forum, ĉambro n-ro 2507.

□ □ □

### POST VARSOVIO - ZAGREBO

Post la Jubilea Kongreso kongresanoj el 39 landoj daŭrigos la solenadon en Zagrebo - partoprenante tie la solenaĵojn "100 Jaroj de E-Kulturo". Kun dudeko da teatraj kaj pupteatraj prezentaĵoj, koncertoj, ekskursoj k.s. tiu ĉi festivalo promesas fariĝi vere eventoriĉa semajno!

La kongresanoj, venantaj post la UK al Zagrebo, estas petataj direkti sin post la alveno al la hotelo "International", kie funkcios la akceptejo. Tiuj, kiuj alvenos post la 3-a de aŭgusto, bv. sin anonci ĉe E-Centro en Amruševa 5/II.

BONVOLU ne preni plurajn ekzemplerojn de Kongresa Kuriero, ĉar ne restos por la ceteraj kongresanoj!

□ □ □

Ĵaŭde je la 14-a horo en la Libro-Servo de UEA s-ino Jadwiga Gibczynska legos el la du nove aperintaj libroj (v. paĝon 95 en la Kongreslibro): "La Fratoj Leonkoro" de la sveda aŭtorino Astrid Lindgren kaj "La lastaj infanoj de Oldrovalo" de G. Pausewang.




### VETERPROGNOZO

Bedaŭrinde plue regos malvarmeta vetero, antaŭvideblaj estas pasemaj pluvoj. Plibonigo de la vetero sekvos ĵaŭde. Kunportu al Bialistoko vian ombrelon kaj varman puloveron.








*La ĵus aperinta infanlibro*
*"VENIS VESPERO"*
*unuafoje aperinta sur la E-merkato*
*estas ankoraŭ havebla en la Libro-Servo.*
*TRADUKIS: A. Wandel (de H. Andersen).*
*Libro speciale planita por deneska instruado de Esperanto,*
*kun enkonduko pri dulingva edukado de infanoj.*



*************************
Kongresa Kuriero de la 72-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio. Redaktas: Stano Marĉek kaj Andrzej Pettyn. Enpaĝigo: Stano Marĉek.




# KONGRESA KURIERO



JUBILEA 72-A KONGRESO DE ESPERANTO, VARSOVIO 1987

KVARA NUMERO 1987-07-29

*SALUTVORTOJ DE S-RO NIGEL CASSAR, REPREZENTANTO DE ĜEN. SEKRETARIO DE U.N.*

*Sinjoro Prezidanto, Gesinjoroj, mi salutas vin.*

*Estas por mi granda plezuro esti hodiaŭ ĉi tie kun vi. Mi venas kiel parolanto por la Ĝen. Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj, kaj mi venas ankaŭ por partopreni en la Kongreso mem. Tiu ĉi estas mia unua vizito al Pollando, kaj mi volas diri ke mi tre ĝuas la gastamon de la pola popolo kaj ke mi aparte ĝuas esti ĉi tie en Varsovio.*

*Mi volas diri, ke estas granda honoro havi tiun okazon renkonti vin, kaj ke mi volas transdoni varmajn bondezirojn de la Ĝenerala Sekretario kaj ankaŭ lian bedaŭron, ke li ne povas mem ĉeesti ĉi tiun Kongreson. Mi krome donas mian varman dankon al la Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio, profesoro Tonkin, pro lia afabla invito.*

*La internacia lingvo Esperanto ekzistas cent jarojn. Ĉar Esperanton kreis Ludoviko Zamenhof, doktoro pola, estas aparte taŭge, ke ĉi-foje la Kongreso okazas ĉi tie, en Varsovio. Dum la pasintaj cent jaroj, milionoj da homoj lernis Esperanton kaj uzis ĝin kiel komunikilon je individua bazo. Esperanto faris multon por kunligi homojn de malsamaj fonoj, kulturoj kaj lingvoj, kaj uzante Esperanton ili transsaltis la lingvajn barojn.*

*En si mem Esperanto prezentas rimarkindan kulturan kaj socian fenomenon. Ĝi estas lingvo kreita je planita bazo, kaj trovas siajn originojn plejparte en latinaj, grekaj, ĝermanaj kaj aliaj fontoj. D-ro Zamenhof siatempe loĝis en regiono de Pollando en kiu kvar lingvoj estis parolataj, kaj certe tio influis lin en lia laboro establi Esperanton. De post sia kreiĝo Esperanto fariĝis valida komunikilo kaj ĉiujare aperas meznombre 200 libroj en Esperanta traduko. Mi volas mencii, ke ankaŭ la Ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj kaj la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj ekzistas en Esperanto.*

*Universala Esperanto-Asocio kaj Unuiĝintaj Nacioj ĝuas intimajn rilatojn, ĉar la Asocio estas en la listo de Ne-Registaraj Organizaĵoj de la Ekonomia kaj Socia Konsilio. Kaj la Asocio estas en konsultaj rilatoj kun UNESKO.*

*Mi ĉiuj rekonas la necesón venki la lingvajn barojn,*

## LA 21-A INTERNACIA KONFERENCO DE I.L.E.I.

La 21-a Internacia Konferenco de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj okazis de la 17-a ĝis la 24-a de julio 1987 en Lodzo, en la konstruaĵo de Lodza Universitato. Ĉeestis ĝin 152 konferencanoj el 15 landoj.

Vendrede la 17-an de julio dum sia unua kunsido, la estraro fiksis la tagordon de la konferenco. Poste ĵurnalistoj, reprezentantaj la gazeton "Glos Robotniczy Dziennik Lodzki" intervjuis la estraron. Liga kun la konferenco aperis artikoloj en tri ĉiutagaj gazetoj kaj en unu semajna revuo. Vespere okazis gaja interkona vespero.

Sabate okazis en la salono de Zamenhof solena malfermo. Sur la podio sidis kvar gastoj: la prezidanto de la Nacia Konsilantaro de Lodzo, la vicprezidanto de la urbo, la rektoro de Lodza Universitato kaj la unua sekretario de la Lodza Distrikta Komitato de Unuiĝinta Laborista Partio. La malfermon gvidis prezidanto de LKK Tadeusz Ejsmont. Flanke de la estraro de ILEI estis sur la podio: Edward Symoens (vicprezidanto), Catina Dazzini (ĝen sekretario), Bertil Andreasson (kasisto) kaj Marin Bacov (vicsekretario). La prezidanto Isztvan Szerdahelyi pro malsano ne ĉeestis.

Fakajn prelegojn faris Stefan MacGill (Humuro kaj dramo en la instruado), D-ro Till Dahlenburg (Rolo de konversaciaj lingvoj en instruado kaj lernado de fremdaj lingvoj), Doc. Liang Ziming (Postuloj pri E-instruado de ĉinaj supe

*ne nur kiel celon en si mem sed ankaŭ kiel ilon por krei tutmondan pacon, prosperon kaj cel-unuecon. Aliflanke ni rekonas ankaŭ la neceson konservi la lingvojn, kiuj estas emblemo de kultura identeco kaj same de nacia suvereneco.*

*La esperantistoj perceptas la validecon de ekzistantaj vivantaj lingvoj, sed ili volas ankaŭ plibonigi la kapablon de la diversaj popoloj de la mondo interkomunikiĝi. D-ro Zamenhof klare deziris uzi Esperanton kiel helplingvon por flegi pli bonajn rilatojn inter la popoloj de la Tero. Li volis ebligi al homoj de ĉiuj rasoj, haŭtkoloroj kaj kredoj paroli unu kun la alia, interagi kaj establi amikajn interrilatojn.*

*En la kadro de la internacia komunumo, ni strebas konservi la pacon, limigante la nivelojn de la armiloj, ni strebas provizi manĝaĵojn kaj vestaĵojn por ĉiuj popoloj de la mondo: ni volas vidi la forigon de malsato, malsano, nescio, mizero kaj malriĉo. Multaj el tiuj celoj estas atingeblaj: ili postulas konsiderindajn fortostreĉojn, sed ili povas esti atingitaj. La elimino de la malsano, la forigo de la malsato, la malebligo de katastrofoj kaj la posta limigo de la efikoj de katastrofoj estas niaj ĉefaj zorgoj en la organizaĵaro de Unuiĝintaj Nacioj. Tamen la forigo de konflikto, kiel same jo de la kaŭzoj de konflikto, estas la superregantaj zorgoj kaj respondecoj de la Membro-Ŝtatoj pro tio, ke ili estas unuiĝintaj en Unuiĝintaj Nacioj. Kiel organizaĵo, nia mesaĝo estas jena: ke per la membreco de la Membro-Ŝtatoj en la Organizaĵo, Unuiĝintaj Nacioj ĉeestas ĉie kaj tra la tuta mondo.*

*En la internacia komunumo, malgraŭ niaj klopodoj kaj eĉ inkluzive de la subteno de la Membro-Ŝtatoj, persistas multaj malfacilaj situacioj, kaj estas esenco, ke oni interkonsentu pri taŭgaj solvoj. En Unuiĝintaj Nacioj ni estas konvinkitaj, ke per energia kaj pacienca diplomatia intertraktado oni tamen atingos solvon. La procezo de paca solvado de konfliktoj, kie ajn ili okazas, devas daŭri je ĉiu nivelo. Tiel ni certigos la estontecon por la venontaj generacioj.*

*Ankaŭ vi, kiel membroj de Universala Esperanto-Asocio, estas unuiĝintaj kune. Vi kunvenis el ĉiuj partoj de la mondo. Vi estas la spiritaj infanoj de D-ro Zamenhof, kaj vi parolas ĉiuj la saman lingvon. Vi povas fari multon por antaŭenigi la pacon.*

*En la nuna tempo Unuiĝintaj Nacioj faras elpaŝojn, kiuj metos la organizaĵon en pozicion por alfronti la defiojn de la venontaj jardekoj, kaj ni kapablas fari la necesajn reĝustigojn por alfronti tiujn defiojn. Kaj estas nia kora deziro, same kiel estas la via, ke paco estu konservata kaj ke ĉiuj pac-iniciatoj estu favore sekvataj kaj utiligataj. Ĉi tiu Kongreso laboros por la plenumo de tiuj celoj kaj ni klare kune laboros en la afero de la paco.*

*Sinjoro Prezidanto, Gesinjoroj! Estas taŭga omaĝo al la memoro kaj la genio de D-ro Zamenhof, ke - post cent jaroj da uzado - troviĝas tiom da interesiĝo pri la uzo de Esperanto. Estas ankaŭ tre taŭge, ke ni estas ĉi tie en Pollando por festi tiun okazon.*

raj lernejoj kaj motivoj de la postuloj), Marin Bacev (Mi finis fremdlingvan kurson ĉe D-ro Lozanov), Irena Szanser (Kelkaj glotodidaktikaj nocioj kaj aspektoj en instruado de Esperanto).

Enkadre de la Konferenco okazis kursoj, organizitaj de la Internacia E-Instituto, kiujn gvidis s-ino A. Childs-Mee. Kiel instruistoj de Esperanto laŭ Cseh-metodo sukcese ekzameniĝis ses kolegoj.

Enkadre de la konferenco okazis Internacia Lerneja Seminario, kiun partoprenis 19 infanoj el 5 landoj. La infanojn instruis bulgaraj, hungaraj kaj italaj instruistoj.

La Konferenco fiksis Decidojn, en kiuj ĝi traktas plurajn gravajn faritajn kaj farotajn paŝojn por la estonteco.

La venonta 22-a Konferenco de ILEI okazos en Nederlando.

(M. Bacev)

INAŬGURO DE LA
## INTERNACIA KONGRESA UNIVERSITATO

okazis la 26-an de julio je la 17-a horo en la salono Kabe. La inaŭguran sesion malfermis, en la ĉeesto de ĉ. 100 kongresanoj, prof. H. Tonkin. Li mallonge priparolis la signifon kaj la rolon de tiuj ĉi gravaj kongresaj aranĝoj kaj apartan ĉi-jaran rolon de la rektoro. "Interalie - emfazis la parolinto - la kongresaj universitatoj, havantaj jam longan historion, transdonas al la partoprenantoj sciojn, kiujn portas la prelegoj de alte kvalifikitaj fakuloj. Aliflanke la universitata prelegaro kon-



*En la nomo de la Ĝenerala Sekretario, mi volas diri ke mi aprezas vian entuziasmon en la antaŭenigo de la paco kaj kompreno en la mondo, kaj mi tutkore subtenas tion, ke via Asocio havas tian celon.*

*Mi dankas vin refoje, ke vi donis al mi ĉi tiun okazon alparoli vin, kaj mi direktas al vi la plej bonajn dezirojn de ni ĉiuj ĉe Unuiĝintaj Nacioj.*

*La lastaj vortoj de s-ro Cassar estis en Esperanto:*

*Sinjoro Prezidanto, Gesinjoroj! Mi dankas vin. Mi esperas por paco sur la Tero. Bonan ŝancon por la Kongreso!*

*(Trad.: J.C.Wells)*

# Kunsidoj

## KUNSIDO DE LANDAJ ASOCIOJ

El 44 asocioj ligitaj al UEA, 29 kuraĝis alfronti laborkunsidon lunde matene je la 9-a en Hodler-salono.

Prezidantoj de Landaj Asocioj interŝanĝis spertojn pri reklamo - informado. Reprezentanto de ILEI transdonos al tiu organizo la deziron al plifortigo de interŝanĝoj. La ĉeestantoj debatis pri diversaj rimedoj por akceli sian varbo-laboron.

Citindas la realigo de E-dokumento pri servoj kaj fakoj, tradukebla reklamcele en lokajn lingvojn; la instigo al UEA ke pli oftaj gazetkomunikoj estu provizataj al ĉiuj novaĵagentejoj; la preparo de memoraĵ-kasetoj pri artaj aranĝoj kaj kongresaj eventoj, prelegoj.

Jam dekono de la Landaj Asocioj helpas la kreiĝantajn grupojn de la evoluilandoj; tiu nombro devas rapide duobliĝi. Estis peto al UEA, ke ĝi por estontaj reklamoj eĉ reklamilo] uzu la sperton de profesiuloj. Multaj atendas subtenon de UEA por faciligi, eĉ krei rilatojn kun edukministerioj kaj UNESKO-komisionoj.

Post la dinamika kunveno estas atendata disvolviĝo de inter-asocia kunlaborado.

## KUNSIDO DE "I.F.R.E."

La unua kunsido de Internacia Forstista Rondo Esperantista okazis dimanĉe la 26-an de julio je la 17-a horo en la salono Jung kaj lunde ĝi daŭrigis la kunsidon. La kunsidojn partoprenis 11 arbaristoj de sep nacioj. Dum ili oni pritraktis la ĝisnunan laboron kaj diskutis pri la plua kunlaboro. Plia kunsido dum la 72-a UK okazos ĵaŭde la 30-an de julio en la salono Lidia.

"IFRE" fondiĝis en 1982 kaj unu el ĝiaj celoj estas prilabori forstan (arbaran) E-fakterminaron. Nuntempe la rondo havas 50 membrojn en 15 landoj. Interesiĝantoj pri la kunlaboro bv. kontakti D-ron Carl-Hermann Simon, C.v. Ossietzkystr. 21, DDR-1300 Eberswalde-Finow.

tribuas al la scienca evoluigo de Esperanto. Plue ili ankaŭ celas montri al la ekstera mondo la ekziston de la universitataj fakuloj, aplikantaj Esperanton por siaj esploroj. Emfazante la rolon de la rektoro, prof. Tonkin atentigis, ke ĉi-jare oni enkondukis novan principon kaj la rektoro de IKU estos ekde nun' elektata unu el la plej elstaraj E-sciencistoj kaj fakuloj. Ĉi-jare transprenis ĉi funkcion unu el la plej eminentaj specialistoj, lingvisto kaj filologo, prof. Juan Regulo Perez.

Post la parolo de la rektoro de la ĉi-jara IKE, en kiu li prezentis sian vivo-vojon esperantistan kaj ties motivigojn kaj principojn, la inaŭguro finiĝis per la anonco de la unua prelego, kiun faris post 15 minutoj Marjorie Boulton.

(J. Ulp.)

# Faka Agado

## FERVOJISTOJ

Ĵaŭde, la 30-an de junio je la 9-a horo, okazos en la salono Privat

E-FERVOJISTA TAGO,

dum kiu oni povos aŭskulti fakprelegojn kaj estos organizita renkonto kun pola ministro pri trafiko.

Ni invitas ĉiujn fervojistojn por partopreni la okazintaĵon.

(Pola Fervojista Sekcio)



S-ro G. THORNTON
el Britio
estas petata telefoni
al Londono:
N-ro 01-583-7070

★★★

PERDO

S-ro Laszlo Kolto (Kongr. n-ro 4063) perdis sian fotoaparaton CHINON. La honesta trovinto estas petata transdoni ĝin en la informejo de la kongresejo.

★★★



## PENTROARTO

La pentroarta ekspozicio de Kristina Goralska kaj Lucyna Penciak funkcias ĉiutage (krom dimanĉo) dum la horoj: 11-19 ĉe la strato NOwy Swiat 15/17, en la galerio de "Klub Miedzynarodowej Prasy i Ksiazki" - 10-minuta piediro de la kongresejo. En la ekspozicio oni povas lujn pentraĵojn aĉeti.

## EKSPOZICIO/AŬKCIO

La kongresanoj estas kore invitataj rigardi ekspozicion de esperantistaj artistoj kaj partopreni la aŭkcion en la salono Felikso, vendrede la 31-an de julio je la 16-a horo.

## EROSO EN KARIKATURO

Ekspozicio "Eroso en karikaturo" okazas en la Muzeo de Karikaturo, strato Kozia 11, - atingebla per busoj n-roj 160, 460, el la strato E.Platov.

Vizitinda estas ankaŭ (perpiede) la Etnografia Muzeo ĉe la strato Kredytowa 1.

## FILMO PRI ESPERANTO

La filma stabo de Mallonga Filmo el Lodzo realigas dum nia Kongreso filmon pri popularigo de Esperanto, pri la ideoj de Zamenhof kaj pri diversaj vivovojoj de la homoj. La filma stabo ofte surprizas la partoprenantojn surŝtupare aŭ surkoridore kaj volas per ĉi vojo pardonpeti, se ĝi, dezirante doni veran bildon pri la afero, embarasigis lujn homojn, aŭ vo[?]is ekscii tro privatajn aferojn.

Interesiĝantoj pri la filmo, kiun reĝisoras s-ino Kvieta Sova, filmas Andrzej Adamczak kaj produktas Andzej Pavliński, povas kontakti la direktorinon de "Wytwórnia Filmów Oświatowych" (ul. Kilińskiego 210, 93-106 Lodz, Telex 885333 WFO, Tel. 84-58-20), s-inon Emilia Kabulak.

★★★

PRELEGO
pri Esperanto
kaj la Tria Mondo
okazos ĵaŭde je la 11-a
en la salono Felikso
***
Preleganto:
Saeed Ahmad Farani
(Pakistano, n-ro 5618)

"IKKC"

En la jaro 1988
ekfunkcios
en Ĉeĥoslovakio
INTERNACIA KULTURA
KAJ KLERIGA CENTRO
***
Pliaj informoj
riceveblaj ĉe:
Slovakia Esperanto-Asocio
Sobotské nám. 6
Poprad, Ĉeĥoslovakio

## JUBILEAJ MEDALIONOJ

Serbia Esperanto-Ligo,
SFR Jugoslavio
lanĉis okaze de la 100-jara Jubileo de Esperanto
jubileajn
orajn kaj arĝentajn
MEDALIONOJN
omaĝe al
D-ro Ludoviko Zamenhof.
***
La medalionoj estas mendeblaj ĉe:
SEL Beograd, au UEA.
Informoj ĉe:
Radiŝa J. Kovaĉeviĉ
direktoro de SEL-Centro,
str. Kosovska n-ro 1
YU-36103 Kraljevo
SFR JUGOSLAVIO
(M. Paniĉ, prez. de SEL)

★★★





## VETERPROGNOZO POR ĴAŬDO:

Nia LKK reklamacis la malbonan veteron kaj finfine oni do povas atendi la pliboniĝon: temperaturo 18 - 19 C, la suno scivoleme (tamen iom hezitame) rigardos nin...

*************************

KONGRESA KURIERO de la 72-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio. REDAKTAS: Stano Marĉek kaj Andrzej Pettyn Enpaĝigo: Stano Marĉek.




# KONGRESA KURIERO



JUBILEA 72-A KONGRESO DE ESPERANTO. VARSOVIO 1987

KVINA NUMERO 1987-07-30

## Novaj aliĝoj

### 5 936 KONGRESANOJ!

Ĝis la ĵaŭda mateno oficiale aliĝis al la 72-a UK 5 936 kongresanoj kaj plu venas novaj aliĝoj. Kun plezuro ni informas, ke RADIO POLONIA donacos al la 6-mila kongresano kelkajn valorajn premiojn, inter kiuj estos popolarta brodita tablotuko, diapozitiv-serio pri Varsovio, la nova eldono de "Sinjoro Tadeo" kaj sonkaseto kun la voĉo de Zamenhof. Ankaŭ Slovakia E-Asocio decidis donaci al la kongresan(in)o n-ro 6000 jarabonon de sia movada-kultura revuo, aperanta ekskluzive en Esperanto, jarabonon de tiu ĉi revuo. Tre verŝajne ankaŭ aliaj E-organizaĵoj donacos premiojn al la kongresano n-ro 6000. Oni povas fari la proponojn ĉe la giĉeto de UEA.

Ni scias, ke tra la kongresejo migras homoj sen formala aliĝo. Ni alvokas ilin: omaĝu la 100-jariĝon de Esperanto kaj la Jubilean Kongreson kaj formale aliĝu, pagante vian kongreskotizon .

## Konferencoj

### DUONMILIARDO DA KOOPERATIVOJ POR ESPERANTO

La ĉefa kondiĉo por la evoluo de nia Esperanto-movado estas, ke ĝi havu bonegajn kontaktojn kun organizoj, kiuj strebas solvi la premajn mondskalajn ekonomiajn kaj sociajn problemojn. Tial estas aparte ĝojige, ke enkadre de nia Jubilea Kongreso, la 27-an de julio, dum la 4-a Kooperativa Esperanto-Konferenco - kiun partoprenis 150 kongresanoj el 16 landoj - fondiĝis Internacia Kooperativa Esperanto-Organizo. Salutante la fondkunvenon de IKEO, la Internacia Kooperativa Asocio, kiel unu el la plej grandaj mondskalaj neregistaraj internaciaj organizoj, aktiva kaj influhava kunlaboranto de la Unuiĝintaj Nacioj, en la nomo de duonmilionardo da kooperativanoj subtene salutis la strebadon de la Esperanto-movado.

E. Szabo

## PAC-CEREMONIO

### EN LA NASKIĜURBO DE ZAMENHOF

Dum la ekskursa tago pli ol 500 kongresanoj ariĝis en Bialistoko, la naskiĝurbo de Zamenhof. Apud la imponа surkolona busto de la iniciatinto de Esperanto Pola E-Asocio kaj UEA subskribis la fondoakton de la Bialistoka E-Centro. En la urba amfiteatro poste oni aŭskultis bonvenigon de la urbestro kaj salutvortojn de la Alta Protektanto s-ro Roman Malinowski (cetere mem bjalistokano). D-ro L.Zaleski-Zamenhof faris paroladon, en kiu li substrekis la ligitecon de Esperanto kun porpacaj kaj homrajtaj strebadoj. La urbon Bialistoko salutis reprezentantoj de ses kontinentoj el la Kongreso, prologe al la prezento de la Deklaro de Bialistoko - kies Esperantan tekston vi povos legi en la morgaŭa Kuriero. La prezidanto de UEA D-ro H. Tonkin pliampleksigis la Deklaron per parolado, en kiu li kunligis la memorceremonion ĉe Treblinka kun la streboj de la E-movado por paca kaj libera mondo. Post oficiala akcepto de la Deklaro de la 72a UK, UEA dissendos ĝin pere de UN al ĉiuj ŝtataj registaroj en la mondo.

## UNUA TEC-KONFERENCO

Dum sia vendreda kunsido la Komitato de UEA oficiale decidis fondi Terminologian Esperanto-Centron (TEC), kiu havas la celon kunordigadi terminologiajn aktivecojn en Esperanto kaj levi ilin sur pli altan nivelon. Lunde, la 27-an de julio, je la 15-a horo, okazis la unua Konferenco de la nova institucio de UEA kun partopreno de pli ol 90 fakuloj kaj interesitoj pri la temo. Post la malfermo flanke de la prezidanto de UEA okazis prezento de la ĉefaj celoj de TEC, ĝia statuto, gvidstrukturo kaj ĉefaj planoj fare de la estraranoj: Wera Blanke, Jan Pospíšil kaj Ivan Bujdoso. Dum la diskuto pli ol 20 personoj faris proponojn kaj rimarkojn, kiuj helpos al la estonta agado. Valoras substreki la ĝeneralan opinion pri la graveco de estonta altnivela terminologia agado stimulata per TEC, pri kies subteno aparte certigis ĉiujn prof. Tonkin (por CED), prof. Stop-Bowitz (por ISAE), D-ro Werner Bormann (por la Akademio de Esperanto) kaj aliaj. Aparte grava estis la kontribuo de A.P.M. Witkam, kiu elstarigis la signifon de terminologia aktivado por la sukcese evoluanta sistemo DLT. TEC planas aranĝi similan konferencon ĉiujare dum la Universalaj Kongresoj.






## KUNSIDO DE "I.L.E.R.A."

Ili kutimas bone aŭdi unu la alian, kvankam la distanco inter ili estas kelkcent, eĉ kelkmil kilometroj. Ja ili estas - radioamatoroj.

Lunde la 27-an de julio ili tamen ne bezonis radioaparatojn. - 42 personoj el 18 landoj ĉirkaŭis la tabulon en la salono Atanasov kaj ekfluis interparoloj pri la radioamatora revuo de ILERA, pri la konkurso, kiun oni aranĝas ĉiujare por ĉiuj radioamatoroj de la mondo. Ili elektis novan estraron kaj poste vizitis la lokan kongresan radioamatoran stacion SP Ø UEA, kie bele plenigas la taglibro de la stacio: 450 kontaktoj dum la lastaj tri tagoj kun radioamatoroj el 50 landoj.

UW9YE - HA 7 PW



## KUNSIDO DE "U.A.L.E."

Lunsido de Universala Artista Ligo Esperantista okazis la 27-an de julio je la 9-a horo en la salono Zakrzewski. Ĉeestis ĝin dudeko da diverslandaj personoj. La kunsido celis varbi novajn anojn kaj organizi la kunlaboron.

La membroj de UALE preparis por la JUbilea Kongreso plurajn artajn ekspoziciojn de pentraĵoj kaj aliaj artaĵoj. La ekspoziciataj artaĵoj estas ankaŭ aĉeteblaj.

---

ĈU NENIU

imitos brilan ekzemplon
de la unua donacinto
el la Solena Inaŭguro
por finance subteni
la
MONDAN E-CENTRON
"Ludoviko Zamenhof"
en Bialistoko



Ni informas vin, ke vi povas fari donacojn al la konto de la Monda Esperanto-Centro tuj en kiu ajn valuto ĉe la giĉetoj de PKO, en Marmora Salonego sur la teretaĝo.



Faru ankaŭ vi la geston
kaj kontribuu realigi
LA E-CENTRON
pri kiu jardekojn
revas la esperantistoj
!!!



Listo de la donacintoj
aperos en la
Kongresa Kuriero
kaj ĉiu donacinto ricevos
skriban atestilon
ke li helpis konstrui
la
MONDAN E-CENTRON
de Ludoviko Zamenhof

## PASPORTA SERVO

En la Libro-Servo bedaŭrinde ne troviĝas la ĉi-jara eldono de Pasporta Servo. Interesiĝantoj povas ĝin mendi ĉe: Sándor Hideg, Fonal u. 18, H-1184 Budapest, Hungario.

## KOSZMALUK

Bv. atenti, ke la adreso de s-ro Jan Koszmaluk, la nova prezidanto de TEJO, (Kongr. n-ro 104), ne estas tiu en Usono, sed: ul. Chlopickiego 49c/2, 04-275 Warszawa, Pollando

## GEOLOGIA SEKCIO DE ISAE

kunvenis marde, la 28-an de julio 1987 en Instytut Geologiczny. La kunvenon partoprenis 26 geologoj el Pollando, Hungario, Bulgario, Ĉeĥoslovakio kaj Sovetunio. Prelegis pollingve Doc. D-ro Sylwester Skompski pri GS-ISAE, RnDr. Josef Kavka, CSc. esperantlingve pri ISAE kaj GS-ISAE, Prof. D-ro Endre Dudich. K.Sc., la vicdirektoro de Hungara Geologia Instituto kaj nun deĵoranta en Parizo (Unesko) anglalingve pri IGCP (Internacia Geologia Korelacia Programo).

La kunsidon gvidis D-ro Jan Rzechowski, la ĉefo de la departamento por la geologia mapado.

Fine, GS-ISAE elektis sian novan estraron. La kunsido estas bona ekzemplo de firma ligiteco inter geologiaj institucioj neesperantistaj kaj esperantistaj.



## EKOLOGIO

Vendrede la 31-an okazos ekskurso al Ekologia Instituto de Pola Scienca Akademio. Renkontiĝo je la 9-a horo sur la placo Komuno, ĉe la kinejo Visla, bushaltejo 701 (atendos tie s-ino Bogumila Oleh). Informoj kaj demandoj ĉe s-ro Lev Medvedev, tel. 357895 (vespere 21-22, matene 7-8 h.).



## SPORTEMULOJ!

Sportemaj esperantistoj, bonvolu sin anonci por la kunlaboro ĉe: Esperanto-Turista Sportklubo, Budapest Pf. 193, Hungario 1368.

## ATENTON!

En Pollando oni dum la lastaj jaroj ŝanĝis kelkajn bankbiletojn. Oni cirkuligis novajn kaj kelkaj malnovaj ne plu validas. Iuj kongresanoj volis pagi per la ne plu validaj, kiujn oni konservis el la antaŭaj vizitoj de Pollando. Tio ne estas akceptebla kaj pro tio ni petas, ke estonte oni bone kontrolu la ricevitajn bankbiletojn. Krome ofte miksiĝas pro la sama koloro la banbiletoj de la valoro 50 zlotoj kun tiuj de la valoro 5000 zlotoj. Bv. eviti malagrablaĵojn per zorgema kontrolado de la bankbiletoj.

Okazis kelkaj miskomprenoj pro la forgeso aŭ perdo de dokumentoj. Bonvolu ĉiam kunporti ilin!







## TEATRO "RABCIO"

Vendrede la 31-an sekvos en la salono Kalocsay plia prezentado de la teatro "Rabcio", ĉi-foje por infanoj.

Se al vi plaĉas la spektakloj de tiu ĉi teatro, bv. kontakti la direktorinon de la teatro en la oficejo por artaj aranĝoj kaj pridiskutu eventualan prezentadon de la teatro en via urbo aŭ lando.

Skriba kontakto: Ŝtata Pupteatro "Rabcio", 34-410 Rabka, Podmalańska 6, Pollando.

## POLA E-LERNOLIBRO

Ni anoncas al kongresanoj, kiuj interesiĝas pri la aĉeto de polaj E-lernolibroj, ke tiuj aĉeteblas en la Libro-Servo (unu el ili kun kvar sonkasetoj). Tie oni povas aĉeti ankaŭ frazaron por turistoj kaj vortarojn de E-o por Poloj.

## MEMBRIĜU EN UEA!

En tiuj ĉi tagoj la nombro de INDIVIDUAJ MEMBROJ de UEA superis la nombron 7000.

Tio okazas unuafoje post la jaro 1973. Tamen nia jubileanta lingvo meritas multe pli: rompon de la rekordo de 7524, kiu aĝas jam 30 jarojn. Ĉe la giĉeto de UEA oni akceptas aliĝojn por ĉiuj kategorioj. Kongresanoj el nepagipovaj landoj povas pagi la kotizon en zlotoj!



MEMBRIĜU EN UEA! Montru, ke nia movado efektive plifortiĝas!

## Anoncoj

### FOKUSO

Ĉi-jare komencis eldonadi Hungara E-Asocio novan 3-monatan popularsciencan periodaĵon FOKUSO, kun riĉa enhavo pri diversaj temoj. La redaktoroj (D-ro Péter Broczkó, András Lukács, Gábor Márkus Gábor Deák Jahn, ILona Koutny kaj aliaj - atendas novajn kunlaborantojn kaj interesiĝantojn ĉe la giĉetoj (salono Fabiano).

### ALTAJ TATROJ

Interesiĝantoj pri la postkongresa (aŭ posta) restado en Altaj Tatroj (belega altmontaro en Slovakio), povas ĝui la oblecon tre modestpreze loĝi en la konstruaĵoj de Slovakia E-Asocio. Sana altmontara aero, rava naturo, ekskursebecoj, kontakto kun esperantistoj. Informoj en la redakcio de Kongresa Kuriero, aŭ skribu ĉe: SEA, Sobotské nám. 6, 058 01 Poprad, Ĉeĥoslovakio.

HANS BAKKER!
Bv. kontakti la Kongresan Kurieron, mi serĉas vin!
(A. Pettyn)



### INTERNACIA GEEDZIĜO

Ĵaŭde la 30-an de julio je la 17-a horo okazis en la Preĝejo de Ĉiuj Sanktuloj internacia geedziĝo, kiu okazis en Esperanto kaj partoprenis ĝin multaj kongresanoj. Geedziĝis internacia paro - sviso Edgar Jobyn kaj polino Mariola Nowak. Samtempe okazis bapto de ilia malgranda filo. NI GRATULAS!



### EKUMENA DISERVO

Dimanĉe je la 17-a horo okazis en la Preĝejo de Sankta Triunuo ekumena diservo, kiun ĉeestis ĉ. 300 diverskonfesiaj kristanoj. Predikis pastorino Jelly Koopmans-Schotanus el Nederlando. La monkolekto estis destinita por subteni tri agadojn esperantistajn, celantaj helpi al edukejo por georfoj (Bona Espero), lepruloj (iniciato de D-ro Kondor) kaj vidohandikapitoj (Agado F3).



### PROGRAMŜANĜOJ

FILMO PRI OOMOTO

La filmo pri OOMOTO, kiu ne okazis la 29-an de julio (marde), okazos vendrede la 31-an je la 14-a horo en la salono KABE!

KONCERTO

Pro eraro en la Kongresa Programo ni anoncas, ke la KONCERTO EN REĜA KASTELO la 31-an de julio ne okazos!

### AŬKCIO DE ARTAĴOJ

Vendrede la 31-an de la 16a ĝis la 17a horo en la salono Feliks okazos AŬKCIO DE ARTAĴOJ prezentitaj en la kongresaj ekspozicioj.

***

5% de la gajno eniros la kongresan kason, 10% de la gajno helpos evoluigi la movadon en la evoluantaj landoj (H. Bakker). Nepre venu kaj per la aĉeto subtenu la valoran agadon!





### VETERPROGNOZO POR VENDREDO

Nia Jubilea Kongreso trovis favoron ĉe la veter-aŭtoritatuloj. Ĵaŭde oni fiveris pli da kilogramoj da varmo kaj por vendredo oni promesis eĉ kelkajn tunojn da sunradioj. Sed tamen verŝajne du milionpedaŭraj pluvetoj sekvos. Generala varmiĝo, kiu kreskos de tago al tago, por kulmini ĉe la fino de nia Jubilea Kongreso.

**** *******************

KONGRESA KURIERO de la 72-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio. REDAKTAS: Stano Marĉek kaj Andrzej Pettyn ENPAĜIGO: Stano Marĉek.




# KONGRESA KURIERO



JUBILEA 72-A KONGRESO DE ESPERANTO, VARSOVIO 1987

SESA NUMERO ) 1987-07-31


# Deklaro de Bialistoko

*El la urbo Bjalistoko, naskiĝloko de la kreinto de Esperanto, Ludoviko Zamenhof, unu el la grandaj humanistaj figuroj de nia epoko, la partoprenantoj en la 72-a Universala Kongreso de Esperanto sendas tiun ĉi deklaron al la ŝtatestroj kaj registaroj de la mondo okaze de la Centjara Jubileo de la Internacia Lingvo.*

*1. Unu el la plej grandaj kaŭzoj de malamikeco inter la diversaj landoj de la mondo estas manko de scio. Tiuj, kiuj ne konas unu la alian, facile fariĝas viktimoj de antaŭjuĝoj kaj miskomprenoj.*

*2. Kvankam la edukaj sistemoj de la diversaj landoj povas multon fari por kulturi en la mensoj de siaj lernantoj informitecon kaj malfermitecon al aliaj popoloj, ankoraŭ pli valoraj ol abstraktaj lecionoj estas rektaj kontaktoj.*

*3. Kvankam la gazetaro kaj aliaj komunikiloj povas helpi ĉiujn civitanojn informiĝi pri aliaj popoloj, senpera komunikado inter homoj el diversaj landoj estas la plej bona maniero forigi antaŭjuĝojn kaj firmigi la kompreniĝon.*

*4. La senpera kontakto postulas komunan lingvon. Se homoj parolas malsamajn lingvojn, ili ne povas senpere komunikiĝi. Kvankam lernado de aliaj naciaj lingvoj estas valora maniero transponti tiun dividon, la internacia lingvo Esperanto konsistigas aparte facilan kaj efikan metodon por atingi internacian interkompreniĝon je tutmonda skalo kaj ĝi estas plej bona enkondukilo al la lingvolernado.*

*5. Esperanto - pro sia simpleco, logiko kaj tuta strukturo - estas ne nur lingvo taŭga por ĝenerala lernado, kiel la dua lingvo por ĉiuj, sed tra cent jaroj da utiligo en ĉiuj sferoj de la homa vivo, ĝi fariĝis plene esprimiva kaj fleksebla kaj ĝiaj parolantoj troviĝas en preskaŭ ĉiuj landoj de la mondo.*

*6. La mondaj problemoj, kiuj bezonas pritrakton je tutmonda skalo, ĉiam plimultiĝas. La demandoj de ekono-*

## FILMO PRI 100-JARIĜO DE ESPERANTO

En plen-plena salono Kabe okazis jam plurfoje prezentado de la kolora dokumenta filmo ESPERANTO, dediĉita al la 100-jariĝo de Esperanto.

La filmon iniciatis s-ro Donĉo Altrov el Bulgario, prezidanto de la Internacia Ligo de E-istaj Foto-Kino-Amatoroj (ILEF) kaj la elstara pola reĝisoro-dokumentisto Roman Dobrzyński (prezidanto de Pola E-Asocio) ĝin realigis kiel 16-milimetran filmon. La scenaro estas komuna verko de ili ambaŭ. La filmo estis kunproduktita de la pola kaj bulgara firmaoj "Interpress-film" kaj "Interfilm", kiuj financis tiun ĉi kuraĝan entreprenon.

La aŭtoro de la filmo Roman Dobrzyński filmis la filmon en 14 landoj kaj li brile sukcesis en ĝi prezenti la aplikon de Esperanto en ĉiuj sferoj de la vivo.

Ni bondeziras al la aŭtoroj pro la sukcesa entrepreno kaj esperas, ke ĝin spektos kaj aĉetos esperantistoj kaj simpatiantoj de Esperanto en multaj landoj. La filmo estas jam nun aĉetebla en la hotelo Forum - ĉambro n-ro 2507 (ĝia prezo: 18 000 zlotoj).

*mia evoluigo, de malarmado, de malsato, de malsano, de analfabeteco, de mediprotektado, k.s. postulas komunan kaj egalecan aliron pere de rekta komunikado en komuna lingvo. REgado kaj solvado de tiuj problemoj povas efike okazi nur per plena engaĝiĝo de la ordinaraj civitanoj.*

*7. Tial, ni rekomendas al ŝtatestroj, registaroj kaj kompetentaj aŭtoritatoj kaj instancoj de ĉiuj landoj utiligi Esperanton kiel studobjekton en lernejoj kaj ebligi rektajn homajn interŝanĝojn inter siaj ŝtatanoj kaj homoj el aliaj landoj pere de la Internacia Lingvo.*

*8. Ni firme kredas, ke el tiu rekta interŝanĝo ekestos pli klara interkompreniĝo inter ordinaraj homoj de ĉiuj landoj. Tio kondukos al redukto de streĉiteco, al pli granda malfermiteco inter la popoloj, kaj al pli paca kaj libera mondo.*

*Ni invitas ĉiujn homojn de bona volo, kiuj konsentas kun tiuj ĉi principoj, apogi tiun ĉi Deklaron kaj tiel sin dediĉi al antaŭenigo de interkompreniĝo inter ĉiuj homoj de la mondo.*

*Bjalistoko, la 29-an de julio 1987.*

# Kunsidoj

## NATURISTA KUNVENO

66 personoj el 16 landoj ĉeestis la kunvenon de Internacia Naturista Organizo Esperantista, okazinta ĵaŭde la 30-an posttagmeze. Dum la kunveno prelegis s-anoj Rudolf Balejík (Ĉeĥoslovakio), Ervin Fenyvesi (Hungario) kaj Tomasz Jan Kudrewicz (Pollando). Pluraj personoj partoprenis la diskuton, i.a. la prezidanto de TEVA Ernesto Váňa (Ĉeĥoslovakio). La partoprenantoj reciproke informis sin pri la stato de la naturista movado en la unuopaj landoj kaj pritraktis la ĝisnunan agadon de INOE. Oni senŝarĝigis la ĝisnunan estraron de INOE kaj elektis novan, kiu konsistas el kvin personoj: Rudolf Balejík, Jerzy Czarnohorski (Pollando), Ervin Fenyvesi, Bernice Scott (Britio) kaj Ferdinand Simon (Belgio). Oni decidis ankaŭ pri reaperigo de la INOE-bulteno "Naturista Vivo", kiun redaktos ERvin Fenyvesi kaj eldonos Jacques Décobert (Francio).

Vendrede matene multaj elinter la INOE-anoj partoprenos neformalan ekskurson al naturista plaĝo Miedzeszyn apud Varsovio, gvidatan de Czesław Baranowski (Pollando) kaj posttagmeze iii vizitos saŭnon kaj naĝbasenon en la varsovia hotelo "Grand".

## KUNSIDOJ DE "MEM" KAJ "KEK"

Kadre de la 72-a UK okazis kunsidoj de MEM kaj KEK (Mondpaca E-ista Movado kaj Kolektivo E-ista Komunista), dum kiuj oni dediĉis multe da atento al la aktualaj demandoj de pac-movado. En ambaŭ kunsidoj oni akceptis rezoluciojn, en kiuj oni i.a. subtenis la polajn planojn de W. Jaruzelski pri Eŭropa sekureco kaj de Roman Malinowski pri la kunvoko de konferenco de la parlamentestroj de landoj de la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo.

## SUKCESO DE "GENTO" EL PLOCK

La 29-an de julio je la 20-a horo en la studenta klubo "Hybrydy" okazis koncerto de la ensemblo "gento" el Plock (Pollando). La membroj de la ensemblo estas infanoj kaj iliaj gepatroj. Iam la gepatroj muzikumis kune (cetere atingante sukcesojn en internaciaj kaj hejmlandaj festivaloj), kaj nun siajn spertojn ili transdonas al sia gefiloj.

La koncerto ĝuis grandan sukceson. Ĝi kortuŝis la spektantojn per la senpretendeco kaj freŝeco, kaj bis-kantis kelkfoje la kanzonon "Verda Stelo", kiun kunkantis ĉiuj ĉeestantoj. La organizantoj decidis inviti la ensemblon "Gento" al la partopreno en "Internacia Arta Vespero". La estro de la ensemblo, komponinto de la plejmulto de la muzikverkoj estas Maciej Ozimek.



## GAZETARA KONFERENCO

Ĵaŭde la 30-an de julio okazis la dua gazetara konferenco, ĉi-foje kun la partopreno de infanoj el la Infana Kongreseto, kiuj respondis al demandoj de ĵurnalistoj. La respondoj bone impresis. En la dua parto de la konferenco prof H. Tonkin prezentis superrigardon pri la kongresaj laboroj, prof. O. Haszpra kaj Wera Blanke parolis pri la faka aplikado de Esperanto, respektive pri TEC, kiu kreiĝis dum la 72-a UK. Al kelkaj demandoj ĉefe pri la lokigo de la estonta Monda Esperanto-Centro "Ludoviko Zamenhof" en Bialistoko respondis la vicvojevodo de Bialistoko, J. Slezak.

## SUKCESO DE "POLITECHNIKA"

La ensemblo de kanto kaj danco de la Varsovia Politekniko atingis sian unuan sukceson prezentante en Lazienki-parko en la tiea somera teatro la spektaklon "Varsovio en la tempo de Zamenhof". Multaj varmkoraj aplaŭdoj akompanis la prezentadon, post kiu oni povis viziti en la proksima Templo de Diana la ekspozicion "Varsovio sur malnovaj fotoj el la tempo de Zamenhof". La ekspozicion vizitis la nepo de la kreinto de ESperanto, Inĝ. Ludwik Zaleski-Zamenhof kune kun sia edzino. Klarigojn pri la fotoekspozicio prezentis ĝia kreinto Doc. D-ro Marek Kwiatkowski.

## ĈIUTAGAJ NOVAĴOJ

La unua propgramo de la Pola Radio prezentas ĉiutage en Esperanto veterprognozon kaj novaĵojn el Pollando kaj el la mondo (veterprognozon je la 9-a horo kaj la novaĵojn je la 10-a horo). La programerojn prezentas redaktoro Jerzy Grum.

## PORTRETO DE ZAMENHOF EL FLOROJ

En la kultur-klubejo str. Nowy Swiat 17 plu prezentas siajn verkojn Lucyna Penciak el Varsovio. Ŝiaj "portraĵoj" estas faritaj el floroj (unikaĵoj) kaj unu el ili prezentas Ludovikon Zamenhof. Nepre vizitu la ekspozicion kaj fotu la portreton. La ekspozicio funkcias ĉiutage de la 10-a ĝis la 19-a horo, ankaŭ post la kongres-finiĝo (krom dimanĉoj).

## NOVAJ ALIĜOJ

La nov-aliĝintoj povas ricevi sian nomŝildeton (identigilon) en la giĉeto "Novaj Aliĝoj" de UEA. Samtempe ni refoje informas, ke ankoraŭ oni povas aliĝi al la Kongreso. Nun estas la lasta ŝanco fari tion. La 6-mila kongresan(in)o ricevos kelkajn premiojn.

## POLA POSTMARKO KUN E-TEMO

La poŝtmarko, kiu ĵus aperis en Pollando, dediĉe al la Jubileo de Esperanto, havas la valoron de 45 zlotoj kaj taŭgas por aerpoŝtaj poŝtkartoj en Eŭropo kaj por eksterlandaj sendaĵoj. Ĝi estas aĉetebla en la kongreseja poŝtoficejo.




## NOVAJ SONKASETOJ

Ni ĵus eksciis, ke en la Libro-Servo de UEA vendrede kaj sabate aĉeteblos novaj sonkasetoj kun la raporto pri la inaŭguro de la 72-a UK. La detalojn pri la prezo vi trovos en la Libro-Servo.

En la sama Libro-Servo oni povas aĉeti aliajn sonkasetojn, inter ili troviĝas tiu kun la voĉo de Zamenhof, pola-Esperanta konversacia frazaro por turistoj "Mini-rozmówki esperanckie" (libreto + sonkaseto). La sondisko kun la E-kanzonoj de Joël Rabu plue haveblas



## LINGVO KAJ MOVADO: DE KIE? KIEN?

La dua tago de la Esperantologia Konferenco allogis eĉ pli da homoj ol la unua. Al preskaŭ kvincent kapoj prelegis la du vaste konataj fakuloj John Wels (Britio) kaj Detlev Blanke (GDR), pri lingvaj kaj sociaj ecoj de ESperanto. Ambaŭ tuŝis ne nur la historion kaj la nunan staton, sed parolis ankaŭ pri la estonta evoluo de la lingvo kaj la movado.

Wels prikomentis i.a. la "naturiĝon" de Esperanto (laŭ termino de Chonsky): nun ne eblus konstati, el la funkciado de Esperanto, ke antaŭ cent jaroj ĝi estis nura skribita projekto anstataŭ jam nature parolata lingvo. Tre interese li pritraktis la lingvo-evoluon, ilustrante per lerte elektitaj ekzemploj kaj plurfoje elvokante ridojn per aparte trafa komento. La problemon de la vortprovizo li lasis ĝis la lasta loko; tamen tiu temo sola okupis la intervenantojn. Pledante por pli da atento al aliaj kampoj (fonetiko, sintakso ktp.), Wels tamen substrekis, ke rilate al niaj malgrandaj rimedoj la jama progreso en nia lingvistiko estas mirinda. Similan progreson en nia socia kohereco aludis Detlev Blanke, kiu tamen dediĉis sian prelegon precipe al la perspektivoj por plibonigo de nia hodiaŭa situacio. Disbatante kelkajn mitojn kaj miskomprenojn pri la fenomeno lingvo, li ankaŭ substrekis la fakton, ke multaj esperantistoj konscie aŭ nekonscie konsideras Esperanton malsupera al naciaj lingvoj, kaj ne traktas ĝin kun sufiĉa respekto. Elirejon el tiu situacio li vidas en la formo de "eksperta konsilantaro" pri Esperanto, lingvo kaj movado, kiu multe pli aktive ol la nuna Akademio okupus sin pri rekomendoj kaj konsiloj al la uzantoj de ESperanto. Plimulto de la intervenantoj konsentis kun lia aliro, sed aŭdiĝis kelkaj viglaj rebatoj al lia rekomendo, ke oni ne parolu pri Esperanto kiel "facila". Eble posta konferenco povos okupiĝi pri tiu ampleksa kaj grava demando. (M-Pettes)






## MONKOLEKTADO POR LA BIALISTOKA CENTRO

Jam venis la unuaj mondonacoj por la Monda Esperanto-Centro en Bialistoko, kiujn inaŭguris pola geedza paro per la donaco de 20 mil polaj zlotoj. La mono(en diversaj valutoj) oni kolektas en la giĉeto PKO, en la Marmora Salonego (tie, kie oni ŝanĝas monon), sur la ter-etaĝo. Pliajn klarigojn donas la Informejo de Orbis. Oni kredas, ke ĉiuj, kiuj aplaŭdis la ideon (dum la Inaŭguro), subtenos ĝin eĉ se per modesta monkontribuaĵo. Ĉiu enpaganto ricevos specialan kvitancon kun la mencio de sia nomo. En la sama giĉeto estas riceveblaj numeroj de banko-kontoj en diversaj landoj, en kiujn oni povos enpagi donacojn pli poste, aŭtune.






NOVA MEZURILO, NEPRE BEZONATA POR ĈIUJ DELEGITOJ KAJ PERANTOJ. (S.K.)






VETERPROGNOZO
POR SABATO:

Pro nekonataj kialoj venis tamen ŝanĝo de la vetero: lo(ko)kaj pluvetoj, temperaturo 22-28°C, loma blovado de diversaj flankoj...

****************************

KONGRESA KURIERO de la 72-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio. REDAKTAS: Stano Marĉek kaj Andrzej Pettyn Enpaĝigo: Stano Marĉek.




# KONGRESA KURIERO



JUBILEA 72-A KONGRESO DE ESPERANTO, VARSOVIO 1987

SEPA NUMERO 1987-08-01

## PAROLADO DE D-RO L. ZALESKI-ZAMENHOF

Dum la solena inaŭguro de la 72-a UK faris paroladon ankaŭ, kiel ni jam menciis, la nepo de la kreinto de Esperanto, D-ro Ludwik Zaleski-Zamenhof. Ni prezentas ĉi-sube plenan tekston de lia parolado.

*Sinjoro Alta Protektanto, Sinjoro Prezidanto, Gesinjoroj Kongresanoj,*

*Mi dankas la KOngreson kaj la Estraron de UEA por la afabla invito.*

*En la nomo de la familio Zamenhof mi salutas la KOngreson... Mi deziras al vi ĉiuj plene sukcesi en viaj grandanimaj taskoj. Tiuj kelkaj vortoj ege kortuŝas min. Mi havis la okazon eldiradi ilin plurfoje, estinte juna knabo. Precize antaŭ kvindek jaroj mi eldiris tiujn vortojn, salutante la Esperanto-Kongreson tie ĉi en Varsovio, en 1937. Mia filino Hanna ripetis ilin en 1959, tiam kvin-jara, en la sama loko. Tiu-ĉi fojo mi rediras ilin ankaŭ por ŝi, kaj por mia dua filino, Margareto, fortenita per profesiaj taskoj.*

*Tamen Esperanto ja ne estas familia afero, kvankam estis tempoj, kiam miaj familianoj estis persekutataj pro Esperanto. Mia patro, Adam, malliberigita en tiu ĉi urbo en Oktobro 1939, en sia kvalito de la filo de Doktoro Zamenhof, pereis tri monatojn poste. Mi salutas Lian memoron. Mi salutas ankaŭ la memoron de Lidia kaj Sofia, kiuj pereis en Treblinka tri jarojn malpli frue. Tamen, mi akcentu ankoraŭfoje, Esperanto estas afero nek de familio, nek de iu klubo, nek de grupo, nek de nacio, nek de ŝtato, nek de religio. Plue, la Lingvo Internacia ne estas celo por si mem; ĝi devas esti instrumento de la granda, filozofa, homarana koncepto de la kreinto, aŭ iniciatinto de la lingvo, kiel Doktoro Zamenhof preferis nomiĝi. La juna kuracisto, prezentanta antaŭ cent jaroj tiun, teknike genian inventon, antaŭvidis en ĝi ilon por kuraci la malsanojn premantajn la tiaman mondon: la maltoleremon, la malamon, la malegalecon inter nacioj aŭ religiaj grupoj, inter homoj de diversaj har- aŭ haŭt-koloroj. La kuracisto-filozofo konsideris, ke la profunda kaŭzo de tiuj simptomoj estis interhoma m 'komprenoj li tial esperis trovi efikan rimedon, propo- nante la internacian lingvon: facilan ilon de komunikado.* ▼

## ROMAN MALINOWSKI MEMBRO DE PEA!

En la sidejo de pola parlamento Sejmo, la parlamentestro s-ro Roman Malinowski akceptis pli ol 200 kongresanojn. Oni povis konatiĝi kun la laboro de la pola parlamento kaj planoj pri la realigo de la Monda E-Centro en Bjalistoko. La prezidanto de Pola Esperanto-Asocio, Roman Dobrzyński, enmanigis al s-ro Malinowski legitimilon de PEA, kion la ĉeestantoj akceptis per varmkoraj aplaŭdoj. S-ro Malinowski promesis i.a. doni sian kontribuon al la evoluigo de la E-movado kaj samtempe esprimis la esperon, ke la decidoj de la kongreso bone servos la realigon de la ideoj de L. Zamenhof. Ĉeestis membroj de la familio Zamenhof, frontloke kun s-ro L. Zaleski-Zamenhof, kiu en sia salutparolado dankis al la polaj aŭtoritatoj pro ilia kontribuo al la sukcesigo de la kongreso kaj esprimis sian grandan ĝojon, ke la ideoj de Esperanto trovas pli kaj pli vastan tutmondan subtenon.

* * *

Mi uzas la okazon por tutkore danki al ĉiuj, kiuj amike helpis nian laboron, mi esperas, ke ĝi estis utila. Tute speciale mi dankas al Stano Marček el Slovakio pro la kunredak- ▷

*La epoko ŝanĝiĝis, la internaciaj kontaktoj evoluis fortege dum la lastaj jardekoj, kelkaj naciaj lingvoj rangaltiĝis, fakte fariĝinte internaciaj komunikiloj interne de grupoj de ŝtatoj, en politika aŭ en geografia senco. Tamen la iamaj simptomoj de la homara malsano, ĉiam latentaj, vekiĝas de tempo al tempo. Staras ankorau la "muroj de miljaroj", se ne plu inter la popoloj, do inter la regionaj socioj, farantaj la aktualan dividon, anstataŭ kunigon de nia mondo. La "glavo sangon soifanta" ŝajnas minaci ankoraŭ nian terglobon.*

*Tial la ideo de la interhoma kompreno, ideo de la homarana solidareco tra sociaj, naciaj, regionaj au religiaj diferencoj, ĉiam montriĝas aktuala. Ke en la "granda rondo familia", elpensita de mia avo, por inkludi la tutan homaron, ĉiu familiano - ano de la homaro, ĝuante egalecon en liaj (au ŝiaj) homaj rajtoj, vivu en la paco kaj en frata interkompreno.*

*Mi salutas la lingvon kaj la ideojn de mia avo. Sukcesan Centjaran Jubileon!*

tado de la "Kongresa Kuriero" kaj ties grafika prilaboro. Samtempe bonvolu senkulpigi min, mi diras ĉi tion al miaj diverslandaj geamikoj, ke mi tute ne havis tempon por ili. Ni babilos alifoje. Saluton!

A. Pettyn

## Kulturo

### ARTAJ ARANĜOJ

Multaj kongresanoj venadis al la Gazetara Servo kaj demandis, ĉu la artistojn, kiuj prezentiĝis dum la Kongreso, oni povas inviti al aliaj E-aranĝoj, eksterlanden. La demando ripetiĝis multfoje, ankaŭ en la koridoraj interparoloj, kio igis min peti informon de s-ino Ewa Siurawska, la estrino de la Artaj Aranĝoj de la KOngreso, kiu diris:

- Kompreneble tia ebleco ekzistas, nia oficejo pri Artaj Aranĝoj eĉ pretas peri kontaktojn ankoraŭ dum la kongresa semajno, kaj ankaŭ poste, ĉe la adreso: Pola Esperanto-Asocio, 00-013 Varsovio, str. Jasna 6, Pollando

Fakte estus ege bedaŭrinda afero, se la prezentaĵojn, kiuj estis faritaj kun grandaj peno kaj streĉo, oni spektus nur en Varsovio. Pluraj kongresanoj konfesis al mi, ke tiuj prezentadoj montras la veran valoron de Esperanto kaj ili ne nur peras kulturajn valorojn, sed ankaŭ estas taŭga argumento en la ekstera informado. Mi same interparolis kun multaj artistoj, ili volonte vizitos eksterlandajn E-aranĝojn. Do, ili kaj nia oficejo estas je via dispono.

### BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA 1987

PROZO:

Premio 1-a: "Laŭra" de Kliven Dek (Hispanio)
"Aŭstralio" de Spomenka Štimec (Jugoslavio)
Premio 2-a: "La Garantiulo" de Sten Johansson (Svedio)
Premio 3-a: "La Ŝuldo" de Stefan MacGill (Hungario)
Hon. mencio: "Viveroj" de Velimir Piškorec (Jugoslavio)

POEZIO:

Premio 1-a: "Fabelo pri skarlata floro" de Evgenij Belonenko (Sovetunio)

### LIBROVENDA REKORDO

La 72-a U.K. fariĝis grandioza ankaŭ por la Libro-Servo,- dum ses tagoj disvendiĝis eldonaĵoj en rekorda valoro de 12 milionoj da zlotoj, kiu nombro signifas eĉ pli da libroj ol kutime, ĉar ili estas signife rabatitaj. Kvankam elĉerpiĝis jam preskau ĉiuj interesaĵoj, tamen eblas trovi ankoraŭ kelkajn. La fina fermo okazos sabate je la tria horo.

I. Szabó

### VEGETARANA KONFERENCO

Marde, la 28-an de julio je la 16-a horo, okazis en la salono Hodler Konferenco de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio, kiun partoprenis pli ol 200 membroj kaj interesiĝantoj elintor la kongresanoj. Dum la konferenco estis priparolitaj organizaj problemoj, konstatita ĝisdatiĝo en la eldonado de la asocia organo Esperan- ▼



Premio 2-a: "Tukpinĉiloj" de Karoline Gilmore (Britio)
Premio 3-a: "Kaj mi mortis" de Gunnar Gällmo (Svedio)

TEATRAĴO:
Premio 1-a: ne aljuĝita
Premio 2-a: "Ĉio estas en viaj manoj" de Ruth Culbert (Usono)
Premio 3-a: "Leciono pri CI" de Bernard Golden (Hungario)
Hon.mencio: "Progreso" de Vesna Skaljer-Race (Jugoslavio

KANTO:
Premio: "Jubilea kanto por ESperanto" de Dimitr Terziev - muziko - kaj Simeon Simeonov - teksto (Bulgario)

ESEO:
Premio: (Luigi Minnaja): "Nia movado kaj ĝiaj kronikistoj" de Oldřich Knichal (HUngario)

## Radio Polonia

Lunde la 27-an de julio okazis renkontiĝo de aŭskultantoj de la E-elsendoj de RADIO POLONIA, kiun partoprenis la ĉefdirektoro Edmund Makuch. La ĉefa punkto de la solenaĵo estis enmanigo de bronza medalo farita de Janis Strupulis al Norbert Merkens el FRG — kiu fariĝis aŭtoro de la 100-mila korespondaĵo, veninta al Radio Polonia pasintjare. En sia parolado E. Makuch esprimis sian ĝojon pro la bonega funkciado de Esperanto kiel informlingvo, dankis la aŭskultantojn pro la valoraj leteraj kontribuaĵoj kaj al la E-redakcio pro la laboro. En siaj alparoloj pli ol 10 diverslandaj aŭskultantoj substrekis, ke radioelsendoj en Esperanto estas gravega kaj informa lingvounueciga faktoro en la E-movado kaj ke oni devus pli vaste popularigi ilin.



Ni uzas la okazon kaj invitas vin partopreni Kongresan Konkurson de Radio Polonia! Oni respondu (jam post la Kongreso) laŭeble iom pli vaste, al la demandoj: Kio kaj kial plej multe impresis vin dum la Jubilea 72-a Universala Kongreso en Varsovio? Kiaj estas viaj ĝeneralaj impresoj pri la estado en Pollando okaze de la Jubilea Jaro de Esperanto? - La respondojn al tiuj ĉi demandoj sendu al: RADIO POLONIA, Esperanto-Redakcio, "Kongresa Konkurso", Varsovio, Pollando, - ĝis la 31-a de decembro 1987. La Esperanto-gazetoj kaj Esperanto-informiloj estas petataj publikigi ĉi tiun informon. La gajnontojn atendas multaj objektaj premioj. Oni planas eldoni kolekton de iuj konkursaĵoj libroforme.

tista Vegetarano, k.s. La konferencon gvidis s-ro Christopher Fettes el Irlando, la prezidanto de TEVA. En la dua parto de la konferenco la partoprenantoj ekdiskutis en laborrondoj, post kio ili resumis la rezultojn de la diskutrondoj en la pleno.

## INTERVJUOJ DE PROF. H. TONKIN

La prezidanto de UEA jam donis grandan nombron da intervjuoj al polaj amaskomunikiloj. La plej nova aperos en "Rzeczpospolita", postkongrese aperos intervjuo en "Odrodzenie", kiun ni rekomendas al polaj legantoj. Ankau "Polityka" planas publikigi lujn intervjuojn

## INTERNACIA KOMERCO

Vendrede, la 31-an de julio je la 12,30 h. okazis en la salono "Kalocsay" daŭrigo de la diskutoj, komenciĝintaj antaŭ kvar tagoj kadre de IKEF pri la Internacia E-Bazaro kaj estonta E-mono. Partoprenis ĉ. 30 ekonomoj, precipe komercistoj kaj aliaj interesiĝantoj. La preleganto, s-ro L. Nikov, proponis fari fondi komisionon kiu pridiskutos la detale proponotan skriban projekton. Sep personoj akceptis estraranecon en la komisiono.

## ADRIATIKA MARBORDO

Interesiĝantoj pri la somerumado apud Adriatika Marbordo ĉe Split, je tre favoraj prezoj (esperantistoj ĝuas rabaton), kontaktiĝu skribe kun la kongresano n-ro 435.

# Konferencoj

## 4-A KOOPERATIVA ESPERANTO-KONFERENCO

Kadre de la 72-a UK okazis la 4-a Kooperativa Esperanto-Konferenco. En ĝia unua tago okazis referaĵoj pri la temo: "Kontribuo de la kooperativismaj ideoj al la disvolvo de la internacia kooperativa movado". La 130 partoprenantoj el 15 landoj aŭskultis kaj pridiskutis la teoriajn studojn de la reprezentantoj el Pollando, GDR, FRG, Japanio, Soveta Estonio, Hungario, Ĉeĥoslovakio kaj Britio. La konferencanoj pritraktis la koncernajn temojn kaj decidis la plej valorajn kontribuaĵojn aperigi en presita formo.

La dua tago estis dediĉita al la fondo de la Internacia Kooperativa-Organizo (IKEO). Por pritrakti la proponon de la preparkomisiono, fondita antaŭ 4 jaroj, kolektiĝis 97 kooperativanoj el 11 landoj. La kunvenon salutis Robert Beasley, direktoro de la INternacia Kooperativa Asocio. Li esprimis sian kunlaboremon kun la E-movado. La novan organizon certigis pri la kunlaboro la estraro de Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo. La fondkunsido pritraktis la raporton kaj statutprojekton, preparitan de la preparkomisiono. Post detala debato de 23 personoj la reprezentantoj fondis la Internacian Kooperativan Esperanto-Organizon. Ĉiaj vicprezidantoj estas la gvidantoj de la landaj organizoj, la farendaĵojn de la prezidanto ĉiam plenumos tiu, en kies lando la konferenco okazos. Por teni la kontaktojn kaj certigi la daŭran informfluon estis elektita redakta komitato de la centra organo "Kooperativa Stelo", kies sidejo estas Bekescsaba, Hungario.

★★★

### INTERNACIA ESPERANTO-LERNEJO

Ĉiujare de la 21-a ĝis la 30-a de aŭgusto okazas
Internacia E-Lernejo
de
Rade V Ilotijević-Viĉa
sur belega montaro Goĉ,
apud la urbo Kraljevo
(SR Serbio)
por komencantoj, progresintoj kaj E-instruistoj.
La aliĝojn adresu al:
RADIŠA J. KOVAĈEVIĈ
direktoro de IEL
de Serbia Esperanto-Ligo
str. Kosovska N-ro 1
YU-36103 KRALJEVO
JUGOSLAVIO

# Vetero



### VETERPROGNOZO

Bedaŭrinde nia komunikado kun la veterprognozisto ĵus interrompiĝis. Ni povas diri nur, ke suna prifestado kaj pluva priplorado egale taŭge festus la foriron!

### NI KOLEKTAS

Materialojn por ekspozicio pri ESperanto-Fonto konstruita apud Budapeŝto. Pro tio ni serĉas partoprenantojn de la 51-a UK okazinta en 1966.
Se vi posedas foton aŭ ian ajn dokumenton pri la ekskurso al la E-Fonto, bv. skribi al la adreso:
ESperanto-Turista Klubo
Pf. 193, H-1368 Budapest
HUNGARIO

### VEGETARANOJ!

La Renkontiĝo de naturamikoj, vegetaranoj kaj joganoj
en Dudince (Ĉeĥoslovakio)
(30.8.-5.9.1987)
havas ankoraŭ kelkajn liberajn lokojn!

***

Bv. aliĝi al:
Ernesto Váňa
962 71 Dudince 163
ĈEĤOSLOVAKIO

### "BIELLLZ"

Beograda Internacia Esperanto-Lernejo "L. L. Zamenhof"

***

Invitas vin veni okaze de sia 80-jara jubileo.
Informojn donas:
Beograda Esperanto-Ligo
sekretario:
Dipl. IPE Joĉjo Gurić
Makedonska 22/II (GKSSO
YU-11000 Beogrado
JUGOSLAVIO

****************************

**KONGRESA KURIERO** de la 72-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio. **REDAKTAS:** Stano Marĉek kaj Andrzej Pettyn Enpaĝigo: Stano Marĉek.